# ESPERANTO

**Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto :** H. Hodler.
**Redaktoro :** D-ro Ed. Privat.
**Direktoro de UEA :** Hans Jakob.

**Adreso : I, Tour de l'Ile, I**
**GENÈVE, Svislando**

**ENHAVO :**



**XXIX-a Jaro N° 389**
**JANUARO 1933**

# Nova Jaro, Nova Tasko

Granda entuziasmo regas en UEA rondoj kaj promesas novan jaron de fervora firmigo. Kiel diras angla proverbo, ĉiu nubo ja posedas arĝentan bordon. Kiel rimarkas franca diraĵo, ĉiu malfeliĉo iel utilas.

La pariza eraro kaŭzis ĉie varman reviviĝon de dormantaj simpatioj al nia Universala Asocio kaj al ĝia metodo apliki en la praktiko la noblan idealon de Zamenhof. La homoj ja komprenas la valoron de komuna havaĵo nur, kiam ili ektimas ĝin perdi.

Plurfoje,en malfacilaj jaroj, la gvidantoj de UEA, vokis al helpo, sed oni bone sciis, ke ne dronos tiel vigla naĝanto kaj oni ne maltrankviliĝis. Tiun ĉi fojon, kiam eksteruloj provis dronigi la fidelan ĉevalon, el ĉiuj flankoj alkuris savemaj amikoj.

Ĝojiga signo ! Plezure oni legas tiujn kortuŝajn deklarojn kun aliĝoj kiel subtenantoj. Saĝe sonas tiuj konstatoj pri la fundamento necesa por nia movado.

La nova jaro 1933 vidos la jubileon de nia Asocio. Post kvaroncentjaro de fidela funkciado ĝi gajnis sufiĉe da sperto por entrepreni eĉ novajn servojn. Je Pasko ĝia Komisiono kunvenos, eĉ eble la tuta Komitato.

Samtempe aperos la nova UEA jarlibro kaj proponoj al la Esperantistaro por sistemigo de nia tuta movado sur universala bazo. Kiel apartigi laŭnecese la nacian kaj internacian agadon ? Kiel anstataŭi konkurencon per kunlaboro kaj ŝpariga divido de taskoj ? Jen la ĉefaj demandoj nun ekzamenataj de la Komitato kaj ricevontaj klaran respondon.

Ne nur daŭrigos UEA sian kutiman laboron senŝancele por certigi senhaltan daŭrigon en la uzado de nia lingvo trans ĉiuj landlimoj, sed ĝi pretigos sin al nova tasko, decida en la historio de nia movado.

Kiuj kredas je la praveco de la Zamenhofa idealo kaj deziras akceli ĝian praktikan realigon per disvastigo de helpa mondlingvo tuj uzebla, tiuj de nun grupiĝu en la Universala Asocio de la Esperantistoj kaj iru kuraĝe antaŭen, manojn en manoj.

Ni ne detruos, ni konstruos !

*Edmond Privat.*

**ATENTU : La rajto ricevi premion de frupago estas plilongigita ĝis 28a de Februaro 1933. Do profitu.**

# Esperantismo

## La nova organiza projekto

## La decido de la Komitato de Universala Esperanto-Asocio

### La Komitato de Universala Esperanto-Asocio

invitita per letero de l'I.C.K. de la 17a de Novembro 1932 ekzameni kaj privoĉdoni la projekton de l'Universala Federacio Esperantista

konstatante,

ke tiu Federacio konsistos senescepte el naciaj, t.e. regnaj societoj esperantistaj
ke estas lasata en ĝi neniu loko nek por UEA kiel memstara asocio, nek por ĝiaj supernaciaj principoj, nek por ĝiaj membroj, tiom kiom ili ne apartenas samtempe al naciaj societoj,

konsiderante,

ke la partopreno de UEA en tiu Federacio ne estas dezirata de ĝiaj projektantoj,
ke invito akcepti ĝin estas nenio alia ol invito al memdissolviĝo de UEA

*deklaras tiun projekton ne diskutebla por la Asocio.*

La Komitato bedaŭras la disŝiron de la Kontrakto de Helsinki dum la Pariza Kongreso, kiel la okazigon de voĉdonadoj en certaj naciaj societoj, antaŭ kiam la mortigota UEA nur havis eblecon sin oficiale esprimi pri la projekto. Ĝi protestas kontraŭ la intenco kopii ĝian jarlibron kaj ĝian sistemon de servoj internaciaj, aranĝoj kiujn kun multe da laboro kaj kostoj ĝi funkciigis dum baldaŭ 25 jaroj por la bono de la movado. Ĝi protestas kontraŭ la malbonfamigoj de la Asocio, kiel kontraŭ la invitoj al siaj Delegitoj kaj membroj forlasi ĝin favore de la fondota Federacio.

Ĝi atentigas, ke tia malsolidareco, kaj la naciisma spirito, montrita en la Federacia plano, ne povas esti la morala bazo de organizo inter Samideanoj. Konvinkita ke UEA en sia supernacia strukturo reprezentas plej bone la familian rondon Zamenhofan, la Komitato opinias, ke de la ekzisto kaj evoluo de UEA dependos grandaparte la sorto de la Esperanto-movado.

*Tial la Komitato konatigas solene, ke UEA intencas funkcii kiel antaŭe kaj resti fidela al siaj principoj.*

Ĝi apelacias al la solidareco de siaj Delegitoj kaj Membroj, al la sento de justeco de la naciaj societoj, kaj al la prudento de ĉiuj Esperantistoj. Ni nek malpacu, nek aranĝu multoble kaj komplike tion, kio jam en simpla kaj taŭga formo havas penon ekzisti. Al plivastigo de sia organiza kadro UEA estas preta. Sed tia organizo staru super la interesoj naciaj kunigu laŭeble ĉiujn societojn kaj instituciojn laborantajn por nia lingvo, estu simpla, liberema, kaj respektu ĉies meritojn.

Kun varma danko por la multaj pruvoj de simpatio jam ricevitaj, la Komitato petas ĉiujn membrojn kaj amikojn de UEA disvastigi ĉi tiun decidon.

Kuraĝe antaŭen.

Bern kaj Genève, la 20an de Januaro 1933.

*La Honora Prezidanto :* Ed. STETTLER.    *La Direktoro :* Hans JAKOB.




*Por la Komitato de Universala Esperanto-Asocio :*

Paul BLAISE, London; Prof. Odo BUJWID, Krakow; Andreo CSEH, Den Haag; J. R. G. ISBRÜCKER, Den Haag; Johannes KARSCH, Dresden; D-ro Dušan MARRUZZI, Zagreb; St. MINKOV, Sofia; D-ro Louis PONCET, Bourg (Francujo); D-ro Edmond PRIVAT, Territet; Fritz ROCKMANN, Magdeburg; Vilho SETALA, Helsinki; Ed. STETTLER, Bern; D-ro A. TELLINI, Udine; Paul TOLNAI, Budapest; D. R. TULLO, Edinburgh; Kortega Konsilisto D-ro WOLLMANN, Wien.

La Komitato estis informita pri tiu ĉi afero dum Decembro 1932, per detala cirkulero kun 7 precizaj demandoj. El la 24 Komitatanoj ne respondis ĝis nun 4, inter kiuj niaj reprezentantoj en Azio kaj Usono. 17 Komitatanoj akceptis la decidon, unu inter ili ne deziris la publikigon de sia nomo, tri Komitatanoj faris aliajn proponojn.

# Kolonjo

Gesamideanoj, kiam vi nun sidas hejme ĉe la milda lumo de tablolampo, aŭ en vagonaro aŭ tramo, veturante al via laborloko, kaj kiam viajn rigardojn trafas la literoj de la vorto Kolonjo, — ĉu ne antaŭ via anima okulo stariĝas mirinda konstruaĵo, belega gotika katedralo ? Ĉu ne du turoj leviĝas alten kaj pli alten, — du potencaj kaj tamen gracilaj turegoj, kies pintoj ŝajnas atingi la ĉielan plafonon ? Kaj ĉu viaj oreloj ne perceptas tonon basan, sonoran, venantan al vi el granda, granda malproksimo ? Ĉu ĉi tiu tono ne pli kaj pli fortiĝas, pli kaj pli laŭtiĝas, — ĉu ne estas al vi, kvazaŭ ĉi tiu tono plenigas la aeron, la kampojn kaj la placojn ? Kvazaŭ io majesta, nekaptebla paŝas tra la landoj, sin premas tra la stratoj, en la spacojn de domoj kaj salonoj ? Kvazaŭ ĉi tiu majesta tono sonorila vokas, vokegas, per voko forta kaj nekontraŭstarebla ? « Venu en somero 1933 Kolonjon ! » ĝi vokas. « Venu al la 25-a Universala Kongreso de Esperanto ! Vizitu la Jubilean Kongreson ! Nepre partoprenu la Arĝentan Mondfeston de l'Esperantistaro ! » Insiste ĝi vokas kaj logas, logas vin for al la urbo de l'Eterna Katedralo, logas vin for al la dumiljara metropolo en la centro de Eŭropo, logas vin for al la Rejno, la riverego plej multe admirata, plej multe prikantata tra jarmilo.





Kolonjo kaj la Rejno ! Kiu ne volus konatiĝi kun ĉi tiuj du famaĵoj, kiam Jubilea Kongreso de Esperanto prezentos tiel oportunan okazon ?

Kolonjo, la kultura kaj ekonomia centro de Germanujo, ĉe la krucpunkto de l' grandaj trafiklinioj inter sudo kaj nordo, inter orienta kaj okcidento, — situanta preskaŭ en la mezo inter la ĉefaj metropoloj de Eŭropo : Londono, Parizo, Berlino, inter Nederlando kaj Svislando, ĉe la plej frekventata natura akvovojo, — kun 740.000 loĝantoj la tria urbo de Germanujo, urbo en kiu speguliĝas 2000 jaroj de germana historio, kaj en kiu ĉiuj jarcentoj postlasis « gastodonacojn » en formo de gravaj konstruaĵoj kaj aliaj artverkoj.

Homoj, interesitaj pri ekonomio, admiros la progreson, kiu karakterizas ĉi tiun urbon situantan antaŭ la pordegoj de l' rejnlanda industria distrikto — de l' granda laborejo de la germana popolo, kun kiu ĝi estas ligita per mil fortikaj fadenoj.

La favora situo de Kolonjo, pri kiu ni skribis jam supre, speciale favorigas la rejnlandan metropolon en la internacia trafiko kaj certigis al ĝi speciale superan pozicion kiel kongresurbo. Moderna kongrespalaco en la ekspozicia tereno, en kelkaj minutoj per tramo atingebla de la ĉefa stacidomo kaj situanta belege apud la Rejno meze de granda parko, prezentas kun siaj salonoj diversgrandaj la plej bonan okazon por aranĝo de kunvenoj.

La ĉarmon, viziti Kolonjon, pligrandigas la facila ebleco, el ĝi en mallonga tempo atingi la plej belajn regionojn de la rejnlanda pejzaĝo kaj la afablajn flankvalojn de l' Rejno. Tre volonte la fremdulo elektas unu el la multaj hoteloj, kontentigantaj ĉu modestajn ĉu pretendemajn dezirojn, kiel sian restadejon, por fari de ĉi tie ŝipe, fervoje, trame aŭ aŭtomobile ekskursojn al la Sepmontaro, al riveroj Mozelo, Ahr, al montaro Eifel, al Bergisches Land (Montetara Lando) k.t.p. Vespere li ŝatas reveni al Kolonjo, por trovi en teatroj, koncertoj aŭ amuzejoj la distradon, kiun li deziras. Sed la partoprenontoj de nia Jubilea Kongreso ja ne bezonos rompi sian kapon eĉ pri tio, kiamaniere ili uzu la kongrestagojn kaj -vesperojn, tion prizorgos la LKK por ili. La kongresanoj certe

ne enuos, tiom malpli, ĉar la Rejnlandanoj ĝenerale, kaj la Kolonjanoj speciale, estas konataj pro sia societemo kaj bonhumoro. Vi estos bonhumora kun ili, vi ridos kaj kantos kun



ili, kaj finfine vi ne pentos, esti veninta ĝuste al tiu kongreso, al la 25-a U. K., nia Jubilea Kongreso, la Arĝenta Mondfesto de l'Esperantistaro. Aliĝu baldaŭ ! Koran bonvenon. — M.

## Decido de la Germana Esperanto-Asocio. Nov-organizo.

Post kiam la « Plenpova Reorganiza Komitato » estis elektita (vidu : G. E. n-ro 8-9/1932, pĝ. 135), la Generala Estraro decidis en sia dua kunsido (4. VIII. 1932, Paris, Maison de la Mutualité), aŭ pli ĝuste : la membroj de la ĝistiama Generala Estraro interkonsentis, ke I.C.K. kaj K.R. daŭrigu sian funkciadon, ĝis kiam oni starigos novan organizaĵon.

La Plenpova Komitato eklaboris; la tekston de la statut-propono por nova organizaĵo « Universala Federacio Esperantista » ni ricevis je la 21a de Novembro 1932. La 1an de Decembro 1932 ni sendis la statutproponon al la membroj de nia negocanta estraro kaj de la konsilantaro, krome al la kunlaborantoj ĉe la konsilantaro de G.E.A., petante pri sciigo, ĉu oni konsilas, senkondiĉe aprobi la statut-proponon aŭ malakcepti ĝin. Al la statut-propono estis aldonitaj « rimarkigoj » de la G.E.A.-prezidanto, per kiuj ĉi tiu klopodis, prezenti la situacion, kia ĝi estas laŭ lia persona opinio.

Al la negocanta G.E.A.-estraro apartenas kvin membroj; la G.E.A.-konsilantaro konsistas el dudek membroj kaj dek kunlaborantoj.

La statut-proponon akceptis unu estrarano kaj du konsilantoj; ĝin malakceptis kaj deziras intertraktadon kun U.E.A. kvar estraranoj, ses konsilantoj, kvin kunlaborantoj. Do — el la demanditaj tridek kvin personoj tri akceptis, dek kvin malakceptis; la ceteraj ne respondis.

Okaze de la 21a Germana E-Kongreso en Chemnitz (Pentekosto 1932) oni elektis organizan komitaton, konsistantan el sep personoj; ses el ĉi tiuj apartenas aŭ al la G.E.A.-estraro aŭ al la konsilantaro (kun kunlaborantoj) ; el la sep membroj de ĉi tiu organiza komitato, kiuj ankaŭ ricevis la statut-proponon kun la rimarkigoj de la G.E.A.-prezidanto, unu akceptis, kvin malakceptis ĝin; unu membro ne respondis. Sekve : entute el la demanditaj tridek ses personoj tri akceptis, 16 malakceptis; la ceteraj dek sep personoj ne respondis.

La G.E.A.-grupoj estis atentigataj pri la statut-propono per G. E., n-ro 12/1932, pĝ. 192; ni petis ilin, studi kaj diskuti la proponon, kiun publikigis « Heroldo » en siaj n-roj 48 kaj 49/1932, kaj fine komuniki al ni la opinion de la membroj. Por eviti la grandajn preskostojn en G. E., ni disponigis al la grupoj la koncernajn numerojn de Heroldo, petante pri postulo al la G.E.A.-oficejo. Al tri grupoj ni sendis la numerojn laŭ peto. Informis nin kvar grupoj, malakceptante la statut-proponon. G.E.A. ampleksas nuntempe 125 grupojn.

Laŭ ĉio dirita ni ne kapablas, akcepti la statut-proponon kaj konsenti, ke nova organizaĵo ekfunkciu komence de la jaro 1933. Tian sintenon plifortigas la fakto, ke ĝis nun ni ne ricevis informon pri la opinio de U.E.A. rilate al la statut-propono. Ĉio, kion U.E.A. ĝis nun publikigis pri la afero, estas dirita sen konsidero al la statut-propono. Ĉar ni ja deziras, ke U.E.A. partoprenu en la nova ordigo de la E-movado, ni ne povas findecidi, ne sciante ion certain pri ĝia sinteno.

Ni opinias absolute necesa, ke okazu intertraktadoj de U.E.A. kaj I.C.K. (K.R.) pri la nuna situacio; ni akceptas, ke laŭ nia opinio ne povas temi pri malapero de U.E.A. aŭ de la Naciaj Asocioj; aspirenda estas kunigo, kiu celas unuecigi la gvidadon de la Universala E-Movado, unuecigi ĝian administradon kaj per ĉi tio malplikostigi la oficejojn kaj fine ebligi unuecan fundamentan kotizon.

Sekve ni insiste petas U.E.A.-on, ke ĝi montru sin preta por intertraktadoj, kies agantajn personojn ĝi bonvolu komuniki al I.C.K.; aliflanke K.R. bonvolu elekti siajn delegitojn; du personoj de ĉiu partio ja sufiĉos. Krome, kiel prezidanton de la starigota intertraktada komisiono la kvar membroj elektu kvinan, neŭtralan personon.

Al la Naciaj Asocioj ni direktas la peton, ke ili instigu ankaŭ siaflanke U.E.A.-on, por ke ĝi konsentu pri intertraktadoj. La afero urĝas, ĉar ni ĉiuj ja certe deziras, ke nia XXVa estu ne nur jubilea Kongreso de la E-movado, sed eĉ vere jubila kongreso por la E-istaro !

Ĉar I.C.K. daŭrigu sian funkciadon, ĝis kiam definitivaj decidoj en la organiza demando estos eblaj, G.E.A. pagos la kotizon al I.C.K. (K.R.) kiel ĝis nun.

Pro tio ni devas rekomendi al la ĝisnunaj membroj de G.E.A., pagi la kotizon al U.E.A. por 1933, kiel ĝis nun.

Ni tre bone konscias, ke la respondeco, kiu trafas nin pro la ĉi-supre klarigita sinteno, estas granda; sed ni opinias, ke ni ne povas fari ion alian, konsiderante la bonon de la E-movado, kiu kresku kaj floru. Jen — nia sincera deziro por la nova jaro !

Berlin SW 61, la 24an de Decembro 1932.

Por la negocanta estraro de Germana Esperanto-Asocio
(Deutscher Esperanto-Bund E. V.)

*Behrendt*, prezidanto. *Habellok*, afergvidanto.

# Esperantistaj problemoj

## XII

## La interna ideo

Ĉiu movado, celanta plibonigi homan nesufiĉecon devas havi moralan fundamenton, la idealo atingota per la klopodo. Kio diferencigas tuj ĉe la komenco la Esperantismon, de aliaj provoj enkonduki internacian lingvon, estas la moral-reforma tendenco, intence aŭ ne-intence aldonita de parto de l'unuaj adeptoj. La Esperantismo, kiu ne estas religio, eĉ ne sekto, kiu ne estas sociala movado, nek politika, tamen montras trajtojn komunajn al la tri. Ni vidu kaj ni esploru ĝis kia grado tiuj trajtoj estas esence ligataj, kaj ĝis kia grado ili utilas aŭ malutilas. Pli speciale ni parolu pri la *interna ideo*, kontraŭ kies akcentado leviĝas voĉoj de malaprobo, eĉ de malŝato, en niaj vicoj.

### La deveno

Senutile estas esplori, ĉu juna Zamenhof estis inspirita de ideoj de l' Miljara regno (ĥiliasmo). Fakto estas, ke la intergenta batalo pensigis kaj inspiris lin je la kreo de lingva komprenilo. Certe Zamenhof ne kredis, ke pro nura lingva komplikeco, ekestiĝas tiuj ofte sangaj bataloj, kies senhelpa atestanto li estis. Sed li konsciis, ke la lingva diverseco estas unu el la kaŭzoj de malpaco. Kaj volante helpi, li serĉis kaj kreis la lingvon. Jam la kromnomo kiun li donis al si, estas pruvo de lia firma kredo al la afero : La homo kiu *esperas*, la *esperanto*.

Venis la epoko de la propagando. Momentpraktikaj konsideroj devigis flankenlasi ĉiun pli malpli *moralan* aspekton de la problemo. Zamenhof ja cedis, sed esprimis sian opinion en poemoj, kiuj ne estas nuraj provoj ekzerci la lingvon (Ekzemple : la preĝo sub la Verda standardo). Flanke de la agado por la lingvo, D-ro Zamenhof estas la inda posteulo de grandaj profetoj de l'homaranismo, kies belan ekzemplon grandioze pentris Lessing en « Natan la saĝulo ». La ideo, krei lingvon intergentan, havis do parte mistikan kaŭzon, noblan kaj respektindan. La « oficiala » esperantismo distanciĝis de tio. Frukto de kompromiso estis la Deklaracio de Bulonjo (1905).

### La influo

Kian influon nun havis tiu ĉi mistika subkonscia fundamento de nia movado ? Ni opinias, ke fakte nia movado stariĝis *nur* dank' al tiu ĉi homama (humanisma) trajto, kiun enplantis D-ro Zamenhof. La miloj da pioniroj, lokaj eminentuloj del' esperantismo, ja ne propagandis, varbis, instruis, suferis kaj... monperdis pro ebla certeco, ke dank' al tiu ĉi penado la interpopola komerco dekobliĝos. Tute ne ! Funde de ilia koro, ili sentis tiun influon de *ideo* ke *eble* per alpreno de intergenta lingvo, pliboniĝos la rilatoj de homoj al homoj, de gento al gento, de nacio al nacio. Ekestos eble interfratiĝo de popoloj, pri kio ni, en nuna tempo ne kuraĝas pensi.

Fakto : Estas *morala* forto kiu puŝis la pionirojn akcepti mokojn, ridaĉojn kaj insultojn. Estas firma kredo ke per ĝeneraligo de Esperanto, certa pliboniĝo en la internaciaj rilatoj estas atingebla, nun kaj ankoraŭ pli en la estonto. Kaj *tion* gvidas la nunaj laborantoj, fidelaj soldatoj de la paca armeo. Ilia idealismo naskiĝis el tiu ĉi interna ideo, forto mistera, sentata sed ne komprenata.

### La taga praktiko

Kompreneble la taga praktiko postulas adapton al aliaj bezonoj. La interpopola komerco *ne* bezonas internacian lingvon por siaj grandaj negocoj. *Sed* apud la grandaj negocoj, irantaj tra tiuj kanaloj inter produktanto kaj konsumanto (pograndaĉetanto, peranto, reprezentanto, detalvendisto), ekzistas aliaj, malpli imponaj sed kune gravaj. En tiuj entreprenoj, kie la centimo estas honorata, la rektaj rilatoj sen lingva baro, ja estas utilaj. Rezultas el tio, ke Esperanto tre bone povas servi por negocoj kaj dependas nur de la propra lerteco, eltrovi la *kiel* kaj la *kiam*.

En tiuj medioj la propagando por nia afero *ne* venu per la sonoj de la *Espero*. Sobra, simpla, klara, preciza estu la uzataj paroloj, *sen* trograndigo pri la eblecoj.

### Naciismo kaj Esperanto

Ĉu Esperantismo kaj patriotismo estas kunigeblaj ? Ĉu valoras klopodi inter naciismaj rondoj por nia idearo ? Jen demandoj kiuj jam estis faritaj al ni. Ni devas respondi je tio unue per tre elementa vero : Esperanto kiel lingvo estas *ĉies* propraĵo. Ĝi estu ĝeneralaĵo, ne ekskluzivaĵo de ia rondo de « eruditoj ». Pro tio estas tre kompreneble, ke niaj propagandaj societoj konsideras sin neŭtralaj en tiu senco, ke tagaj problemoj politikaj de l' propra lando ne interesas ilin. Ili staras sur la fama platformo de la faktoj kaj akceptas la mondon, tia kia ĝi estas. Pro tiu ĉi manko de koloro, ekestas ankaŭ manko de puŝforto.

Patriotismo kaj naciismo ne estas identaj. Sed ambaŭ estas *realaj* fortoj, kun kiuj propagandisto de moderna ideo devas kalkuli. En tiuj medioj la argumentoj por nia lingvo estu ĉefe lingvaj : Protekto de la propra lingvo, rivaleco inter la grandaj lingvoj naciaj, ilia malsimpleco, multeco de lingvoj lernotaj, nekontentiga rezulto, k.t.p.

### U E A kaj interna ideo

La celoj de UEA estas en si mem la praktika apliko de la interna ideo de l'Esperantismo. Tamen ĝia statuto ne parolas pri ĝi. Fondita por la praktika utiligo de la lingvo, la fondintoj tre bone komprenis, ke estus multe pli bone, *neniam* paroli sed *ĉiam* pensi je ĝi. Krom moralaj principoj, ĉiu socia movado, starigis tre utilajn *servojn*. Ni momente nur memoru, kiom imponajn verkojn plenumis kaj plenumas la eklezioj, la religiaj societoj (savarmeo ekzemple) la sindikatoj laboristaj kaj aliaj. Ofte tiuj servoj forgesigas la fundan karakteron de la organizaĵo mem. Kaj tiel okazas en certa grado ĉe UEA. *Ne paroli* pri interna ideo, sed *agi* laŭ ties spirito, kiu estas reciproka toleremo, respekto al idealoj de l'aliaj, helpemo, solidareco.

### Konkludo

Por ke la Esperantismo konservu sian karakteron de supernacia movado, klopodante ĉie por enkonduki la lingvon, necesas ke ekzistu rezervujo de la morala forto inspiranta la propagandistojn. Tiu ĉi rezervujo nur povas esti supernacia kaj praktik-utila. Estas UEA kiu arigas tiujn samideanojn, pretaj labori en spirito de la kreinto de nia lingvo. Tiun-ĉi taskon ne povas plenumi societoj de propagando, kies horizonto finas ĉe la limoj de ilia propra lando. UEA estas la roko de l' praktika esperantismo per la forto de l'interna ideo. — (H. J.)

# *Parolejo*

## El ricevitaj leteroj :

De S-ro Rudolf Oristo, Delegito de UEA en Milwaukee, Usono, ni ricevis jenan tekston kun peto pri represo. Ne dezirante fermi la buŝon al iu ajn ni komigas tiun ĉi vidpunkton, kiu ja grade proksimiĝas al la fakto.

*Ĉu revolucio en Esperantujo?*

Ĉu vi kiuj kaŭzis ĝin, ne estas konsciaj, kiajn sekvojn postlasas revolucio? Ĉu vi ne konscias, ke post ĉiu tia okazintajo, la partoprenintaj partioj ne povas regajni la perdon kaŭzitan de ĝi, por multe da tempo, kaj se ili havas eksterajn malamikojn, tiam la malpaciĝo povas esti fatala por ambaŭ, ĉar kie sin interbatas du, la tria profitas. Ĉu vi ne estas konsciaj pri la eksteraj malamikoj de Esperanto? Ĉu anstataŭ kune kontraŭbatali la eksterajn malamikojn de Esperanto, ni interbatalu, kaj detruu mem tion, kion ĉiuj malamikoj de Esperanto ne povis detrui?

Hontu ni ĉiuj, sed plej el ĉiuj hontu tiuj, kiuj kaŭzis nunan malpacon, subite atakante ekzistantan internacian organizformon. Jes, mi diras, *subite atakante,* ĉar tio kio okazis en Parizo, dum universala kongreso, oni ne povas nomi alie ol, *subita atako.*

Preskaŭ ĉiu esperantisto estas konscia, pri neceso de unueca internacia organizajo, kaj ĝi ne estus krimo, klopodi reorganizi la ekzistantan, sed subite ataki ĝin, estas krimo, krimo kontraŭ demokratio, krimo kontraŭ humaneco, por kio ne devus esti loko en Esperantujo.

La atakantoj komentarias en sia defendo, ke oni jam sufiĉe priparolis la ideon de reorganizo, kaj ke la afero ne estas jo nova. Jes, oni jam multfoje priparolis tiun ĉi aferon, sed nur inter la gvidantoj, sed kio estas miloj da aliaj esperantistoj, ĉu ni ne rajtas scii kio okazas en nia organizajo, ĉu ni estas nuloj? Ĉu oni iam oficiale sciigis esperantistaron pri tiu ideo? Neniam! Kiom da oficialaj organoj, de naciaj esp. organizajoj publike pritraktis tiun ĉi aferon kun siaj anoj? Neniom. Se oni proponis tiun ĉi aferon en oficiala maniero, ĝi ne estus krimo, sed laŭdinda afero. Oni diros : Ĉu ni gvidantoj ne rajtas decidi mem pri tiu afero, kial do ni estas gvidantoj? Respondo je tio estas : Ne sinjoroj! La esperantistaro estas dankema al siaj gvidantoj, sed en tiel gravaj aferoj, ankaŭ *ni* volas partopreni en la decidoj, ni volas demokration sed ne diktatorecon. Due. Se la procedo de ĉi tiu afero estus farita en oficiala maniero, la esperantistaro voĉdonante decidus per plimulto, kaj estus ŝparita tuta ekscito kiu regas nun en Esperantujo, ĉar ĉiu devus respekti la decidon de la plimulto. Kaj nun, jen la oficiala vojo, laŭ kiu oni devas agi :

Antaŭ ĉio, la iniciatinto de reorganizo, devus sciigi pri sia ideo, ĉiujn organizajojn, anojn de K.R. Ĉiuj sciigitoj devus publikigi la proponon en siaj oficialaj organoj, kaj malfermi senpartian diskutadon pri la afero, kiu daŭru almenaŭ ses monatojn. Post tio, ĉiu koncerna organizajo voĉdonigu pri la afero, en siaj kluboj kaj societoj, kaj voĉdonrezulton publikigu en sia oficiala organo, kaj samtempe sciigu pri ĝi la proponinton. La proponinto, post ricevo de ĉiuj voĉdonrezultoj, publikigu la finrezulton, menciante ĉiun voĉdonitan organizajon kaj ĝian rezulton.

Se unu triono de ĉiuj organizajoj, anoj de la K.R., reprezentantaj unu trionon de ĉiuj membroj, por kiuj la K.R. enspezas kotizon, akceptas la proponon, tiam la I.C.K. prenas en siajn manojn tutan reorganizan aferon, ellaboras la statutojn, kaj fine submetas ilin por akcepto, al la esperantistaro, per naciaj organizajoj, en sammaniera procedo.

La organizajo, kies membraro voĉdonas plimulte malfavore al la propono, elektu aŭ nomigu la reprezentanton kiu kunlaboros kun I.C.K., el la partio malfavora al la propono.

Ĉi tio estas demokrata agmaniero, kaj nur tian ni volas, ĉar ĝi donas al tuta esperantistaro rajton, decidi pri gravaj aferoj, kaj ĝi malebligas la diktatorecon en Esperantujo.

Se la I.C.K havus sian propran oficialan organon, tiam la iniciatinto devus sendi sian proponon al ĝi, por ke ĝi daŭrigu la procedon.

En « Heroldo de Esperanto », n-ro 45, de 30a de Oktobro, en frontpaĝa artikolo, s-ro ĉefredaktoro skribas interalie jenon :

« Ni konstatu unue, ke unu ĝrupo, unu unuiĝo post la alia esprimas sin favore al la novorganizo : en Germanujo, ekzemple, la Suda Ligo, Revelo kaj, laste, la Esperanto-Gruparo Berlin nepre apogis la vidpunkton de GEA. En la lasta n-ro de « Amerika Esperantisto » (n-ro 6) ni legis ke « tio estas la organizo (t.e. unueca organizo), kiun ni ĉiuj deziras, pri kiu ni revis, — estas nun en la manoj de la kompetenta komitato ellabori la detalojn ».

Mi demandas nun : Kiom da, el supre menciitaj grupoj, unuiĝoj aŭ asocioj, konsiliĝis kun sia anaro, (kiu estas la kerno aŭ la animo de ĉiu organizajo, sen kiu neniu organizajo ekzistus), kiom da ili konsiliĝis kun sia anaro pri la ideo de reorganizo? Mi vetus cent kontraŭ unu, ke neniu ĝin faris, kaj vi kiuj ne kredas, bonvolu trafoliumi ĉiujn numerojn de oficialaj gazetoj, de ĉiuj esp. naciaj organizajoj, kaj vi ne trovos tiurilatan diskutadon. Pri Usono mi estas certega, ke la anaro de la « Esperanto Asocio de Norda Ameriko », estis neniam demandata, pri ilia tiurilata opinio. Tiu persono de sur la pinto de iu organizajo, esprimis sian opinion, kaj tion oni nomas ke la organizajo sin esprimis favore. Mi mem ne estas kontraŭ justa reorganizo, sed kie estas ĉi tie ero da demokratio? Ĉu la tuta rajto de la esperantistaro konsistas en la pagado de la kotizo kaj nenio alia?

Mi ripetas, ke mi ne estas kontraŭ justa reorganizo, ĉar ni bezonas unuecan internacian esp. organizajon, kun propraj delegitoj, propra jarlibro, kaj ne nur monatan informfolion ĝi bezonas kiel iu proponis, sed propran ĉiutagan jurnalon, kiun ricevu ĉiu esperantisto kiu estos pera aŭ senpera membro de la nova internacia organizajo, kaj kies abonpago estu enkalkulita en la jarkotizo.

Tamen mi diras, kaj eĉ akcentas, ke la estraro de UEA agis korekte kaj demokrate, ne akceptante la proponon en Parizo, ĉar ĝi ne antaŭe konsiliĝis kiun siaj anoj, kaj ĝi ne konsiliĝis, ĉar ĝi verŝajne neniam ricevis iun oficialan tiurilatan proponon de iu ajn. UEA ne estas organizajo de hieraŭ. Ĝi ekzistis jam tiam, kiam multaj el nuntempaj asocioj, anoj de K.R. ne ekzistis. Ĝi havas krom regulaj anoj, la delegitojn, membrosubtenantojn, dumvivajn kaj honorajn membrojn kaj garantiantojn. Ĉu ĝi malatentu ĉiujn? Kion dirus la garantiantoj de UEA se ĝia estraro agus propravole, se jam nun s-ro Torsten Lindberg, el Prässebo, Svedujo, kiu estas nur membro subtenanto, malkaŝe direktas sian kanonon al UEA, minacante mortigi ĝin, se ĝi ne agos kiel *li volas.* « Neniu ja kapablas kontentigi ĉiun homon ». Se la reorganiza afero ekagis en supre menciita maniero, la revolucio ne okazus. Mi ne asertas, ke la gvidantoj de UEA estas seneraraj. Seneraraj estas maldiligentuloj, ĉar ili ne povas erari, farante nenion, sed erari povas nur tiu, kiu laboras. Sed UEA estas dorno en ies kalkano, pro aliaj aferoj, inter kiuj, unu menciis s-ro A.P. el V., Hispanujo, en sama numero de « Heroldo de Esperanto ». Alia afero estas, la disdonado de libroj, kion faras la UEA, en formo de premioj, kaj tiel (eble) malutilas al aliaj. Sed la proverbo diras : ke la ĉemizo estas pli proksima al la korpo ol estas la jako, kaj ĉiu agus en ĝia pozicio sammaniere. Jen ankaŭ la A.E.L.A. agas same, pro tio ĝin iu nomas « Mistera Organizajo ». La disdonado de libroj montras interalie, ke la kotizo de UEA ne estas tiel granda, kiel la kontraŭuloj ĝin priskribas, sed ĝi estas nur laŭdinda afero, ĉar ĝi igas tiamaniere havigi la librojn al tiuj, kiuj sen tiu maniero ne aĉetus ilin.

En « H. de E. », sama numero, s-ro ĉefredaktoro, en sia konkluda artikolo diras jene : « Kaj nun, gesinjoroj, ĉu vi fine permesos al ni fermi la diskutadon, pri tiuj ĉi aferoj kaj ĝisatendi la laborrezulton de la reorganiza komitato ».

*Ne* s-ro ĉefredaktoro! Ĉiu komencita disputo, devas esti findisputata, ĝi estas la kutimo, almenaŭ inter kavaliroj. Via propono memorigas min la tempon, kiam mi estis knabo, kaj interbatalis kun aliaj knaboj. Post ĉiu bato donita al la kontraŭulo, mi proponis, ke ni ĉesu interbatali. Mi per mia propono, por ĉesi interbatali montris mian malfortecon, mian timon, ke mi povus esti venkita de li. Sed alia knabo estis ankaŭ tiel saĝa kiel mi, kaj ne volis ĉesi, ĝis kiam li ne donis al mi lastan baton. Ankaŭ vi s-ro proponas, ke ni ĉesu diskutadi, post kiam vi havis ne nur la lastan vorton, sed post kiam vi kontraŭdiris tuj al ĉiu diskutanto, kiu ne samopinias kun vi. En iuj okazoj, vi nur citis kelkajn vortojn el ies letero, nomante ĝin « stranga koncepto », sed pro tio vi aldonis al ĝi vian tre longan komentarion. Kaj nun vi volas, ke ni ĉesu la diskutadon, pri kiu vi komencis en « Heroldo » la diskutadon, kaj diris la lastan vorton.

Ĉu ankaŭ vi timas esti venkita, en ĉi tiu diskutado, kiel mi timis esti venkita en interbatado?

En la maniero, kiel vi s-ro ĉefredaktoro de « H. de E. » kondukas la diskutadon, oni ne povas scii, kiom da esperantistoj aprobas, kaj kiom da ili kondamnas la okazintajon en Parizo, ĉar la sama persono, (kaj tio estas vi) kontraŭdiris ne unu, sed multfoje, al tiuj kiuj kondamnas la okazintajon en Parizo, (la subitan atakon). Justa redaktoro ne agas tiel. Li publikigas eĉ atakojn kontraŭ sin mem, kaj poste li pravigas sin. Justa diskutado ankaŭ ne povas esti diskutata, per pli ol unu malsamaj gazetoj, k.e. la « Heroldo » kaj la « Esperanto », ĉar la unua estas semajna, kaj la alia monata. Sed vi faras kion vi volas ĉar vi ja estas ne nur la ĉefredaktoro, sed ankaŭ la posedanto de « H. de E. ». Sed kvankam vi estas tie ĉiopova, ne forgesu ke la vortoj de s-ro Torsten Lindberg, en supre menciita n-ro de « Heroldo » kie li diris, ke UEA *dependas de li,* rilatas ankaŭ vin.

La paĝoj de « Heroldo », kiel plej grava internacia gazeto por esperantistoj, devus estis malfermitaj por ĉiu, (almenaŭ abonanto, se ne por ĉiu) esperantisto, senrigarde ĉu li samopinias kun vi, aŭ ne. Tiel faras kavaliroj, kaj tiam oni povos diri, ke « Heroldo » estas vere « neŭtrala ».

Rimarko. Por ke oni ne diru ke : Ankaŭ min paroligas, kiel oni diras pri s-ro Bünemann, mi deklaras, ke mi estas sufiĉe matura, por ke mi mem povu uzi mian cerbon, kvankam mi ne estas publike konata, kaŭze de mia silenta laboro, kaj publika deteno. Se s-ro Bünemann preparis sian artikolon por la « Heroldo », kaj publikigis ĝin en la « Esperanto », li certe havis kaŭzon fari tiel, Mi ankaŭ preparis tiun ĉi artikolon por la « Heroldo », sed vidante ĝian partiecon en ĉi tiu afero, mi sendas ĝin al « Esperanto », ĉar mi ne deziras ke « Heroldo » ekstraktu nur kelkajn vortojn el ĝi, kiuj solaj diras nenion, sed en konekto kun la tuto, signifas multon, aŭ pli bone, mi ne deziras ke iu kripligu ĉi tiun artikolon.

La diro ke : UEA igis s-ron Bünemann paroli, estas ofendo, kvazaŭ li estus infano, kiu ne kapablas uzi mem sian cerbon, kaj tiajn diraĉojn oni ne povas legi en serioza kaj honesta gazeto. Sed la proverbo diras : « La dronanto ekkaptas eĉ pajleron ».

*S-ro Franz Olah, D en Sighisoara (Segesvar, Schässburg) en Transsilvanio, Rumanio skribis interalie :*

Kun bedaŭro mi legis pri la nuligo de la kontrakto de Helsinki kaj pri la intenco reorganizi la movadon je malutilo de UEA. UEA estas altranga treege laŭcela organizaĵo, kiu donas al ĉiuj siaj membroj profiton, kiu havas grandan varbforton. Tiu ĉi varbanta forto kune kun la ebligo de disvastigita praktika uzado de la lingvo internacia faras UEA la plej fortikan kolonon de la esperantismo. Tial neniu vera esperantisto povos konsenti forigon de UEA. Se UEA ne jam ekzistas oni devus ĝin krei.

*Sendante kotizon de Subtenanto, S-ro E. Hart, D. en Büron-Bad, Svislando, skribas :*

Jam antaŭ la milito mi estis ano de UEA kiel nun, sen nacia societo. Ke UEA restu forta turo por ĉiuj kiel ĝi estis ĝis nun sub la gvidado de la inda estraro laborema kaj celcelanta. Vivu nia kara UEA.

*De S-ro Hubert Exenberger, nova D en germana urbo Stralsund :*

Permesu, ke mi esprimas mian senliman fidadon al la gvidantoj de nia UEA, ne akcepti tiun miskreaĵon de nova organizo. UEA devas esti sendependa, neŭtrala, memstara, internacia. La membraro devas esti libera, decidi pri aliĝo al nacia aŭ internacia organizaĵo.

Ĉu estas necesa reorganizo ? Jes, sed inter estimo de tiu ĉi vidpunktoj. Progreso estas la kontrakto inter UEA kaj Aŭstrio kaj taŭga modelo por aliaj. La profetaĵo de S-ro Jung en « Heroldo de Esperanto », ke UEA pereos estas stulta manovro aŭ nepripensita trofervoro. UEA povas malkreski sed perei — neniam. Nur limigita horizonto povas diskoni la signifon de internacia, individua organizaĵo.

La gvidantoj de UEA gardu la memstarecon de nia Asocio kaj la membraro gardos sian fidon rokfirme al UEA.

---

# Pri neŭtraleco

Ĉu la legantoj ŝatas la enhavon de « Esperanto », ĉu ili estas kontentaj pri ĝi ? Mi scias, ke estas multaj, kiuj estas plene kontentaj. Sed mi ankaŭ scias, ke aliaj foje ne kontentas, komparante ĝin kun aliaj gazetoj pli interesaj ol la « Oficiala organo ». Tio estas bedaŭrinda vero. « Esperanto » aperas unufoje monate; ĝia enhavo povus esti bonega, kaj tre interesa, kaj tamen ofte grandparte tia ne estas. Kial ? Ĉu pro monmanko ? Ne, tio ne estas la kaŭzo. Tiun vi devas serĉi en ĝia neŭtraleco. Ĉu mi volas forĵeti la neŭtralecon ? Ne, ĉar fakajn societojn ni jam havas. Mi opinias nur, ke la neŭtraleco tia, kia tiu nun estas en « Esperanto » estas senviviga. Ĝi devigas al silentado pri ĉio grava, se ĝi ne rekte tuŝas Esperanton. Ĉar pri ĉio grava la opinioj estas diferencaj, kaj tio, kion unu trovas bona, incitas la alian. Cetere estas tute neeble konsekvence neŭtralumi, ĉar tiam oni devas absolute kaj severe prisilenti ĉion, nepre ĉion. Eble la estraro de UEA volas kredi al mi, ke mi siatempe iomete incitiĝis pro la kelkfoja anonco pri antilopfeloj (mi estas vegetarano), kaj kelkfoje pri partoj de la enhavo de la polica bulteno (ĉar ofte laŭ mi, la polico estas homĉasanto. Mi pli admiras la sintenon de tiu homo, kiu dum la lasta karbista striko en Belgio, rompis sian armilon, rifuzis persekuti la elsuĉatojn). Tamen mi estus frenezulo, se mi postulus, ke oni ne plu enpresu tiajn aĵojn, aŭ se mi forkurus. Ĉar tiu okaze mi estus tielsame mortiganto de « Esperanto », kiel tio estas la aliaj, kiuj forkuras aŭ postulas, ke oni ne enpresu tion, kio povus inciti ilin. Ni devas miri, ke tiel katenite, oni tamen sukcesas fari « Esperanton » tia, kia ĝi estas. Ni devas bedaŭri kaj kompati la redaktoron, kies tasko estas redakti tian gazeton ! Kaj kion oni gajnas per tia neŭtraleco ? Ke estas granda peno zorgi, ke la gazeto ne enhavu tro da bagatelaĵoj, kaj sufiĉe da interesaĵoj. Ke unuparte kelkaj eble ne forkuras, ke aliparte aliaj tedite forlasas « Esperanton », kaj abonas alian gazeton. Kelkfoje dum la lastaj jaroj mi sendis artikolon al Esperanto. Neniufoje oni enpresigis ĝin. Ĉiufoje la redakcio komunikis al mi, ke ĝi simpatias kun la enhavo, sed, ke ĝi, por eviti eventualajn malagrablaĵojn, bedaŭrinde ne povas publikigi ĝin. Jen kio rezultas el tiu neŭtraleco ? Kaj mi neniel kredigas min, ke mi estas la sola, kiu tion spertis. Mi eĉ ne mirus, se nia estimata redaktoro mem, D-ro Edm. Privat, devas silenti pri tio, pri kio li volonte parolus. Mi trovas tion bedaŭrinda stato de aferoj.

Ĉu la solvo, kiun trovis la estraro de UEA, pri la neŭtraleco, estas la sole ebla ? Laŭ mia opinio oni povas anstataŭ ol prisilenti ĉion, prefere pridiskuti ĉion libere. Tio havos la avantaĝon, ke la enhavo fariĝos multe pli leginda kaj interesa. Kaj ĉu pro tio forkuros la abonantoj ? Ĉu vere tiel malvastanimaj estas la Esperantistoj ? Apenaŭ kredeble ! Kaj ĉu nun la publikigon de tre legindaj artikoloj, kiujn ŝatus la plimulto, ne malebligas malplimulto tuj ekplendantaj, kiam ili legas ion, kio ilin incitas ? Ĉu tio ne estas iom stranga kaj nejusta ?

Laŭ mia sento oni eĉ perfortas, aŭ pli ĝuste : sufokadas, la internan ideon, kiu ĝis nun estas ja la spirita enhavo de la neŭtrala esperantismo; la neŭtrala esperantismo, senigita de la

interna ideo, ja ne havas spiritan enhavon, estas nura celado al enkondukiĝo de internacia lingvo.

Oni fondis UEA-on, por ke la Esperantistoj povu uzi la lingvon. Mi sincere volas konfesi, ke estis por mi elreviĝo, sperti, ke, se oni volas uzi Esperanton por koniĝi siajn ideojn, kaj gravajn aferojn, oni trovas la oficialan organon de UEA, « Esperanto », fermita.

Mi tre esperas, ke baldaŭ ni forlasos la protiman neŭtralecon, kiu mortigas, por akiri la kuraĝecan neŭtralecon, kiu vivigos nian gazeton « Esperanto » !

W. P. ROELOFS, Soest, Nederl.

(Ni revenos al tiu-ĉi plendo, kiun ni aprobas parte, per speciala artikolo eklumiganta la situacion.) — (*Red.*)

## Pri somera universitato

En la jaro 1930 mi atentigis pri la Vergilius — jaro kaj proponis, ke en la Somera Universitato de la kongreso oni faru prelegon pri tiu nacia poeto de Italujo. Mi ricevis la respondon, ke mia propono venis tro malfrue. Mi ne scias, ĉu ĉi tiun jaron (1932) oni aŭdis prelegon pri Goethe; mi pridubas tion. Ŝajnas al mi esti necese, ke ĉe niaj kongresoj oni de tempo al tempo aŭdu prelegojn ankaŭ pri filologiaj temoj, por montri al la homaro, ke ankaŭ por tiu scienco nia lingvo estas taŭga. Kompreneble tian paroladon povas fari nur filologo. Same ŝajnas al mi dezirinde, ke de fakulo oni foje aŭdu matematikan prelegon, ekzemple pri matematikaj ludoj.

Harry WILKE, Berlin.

## Pri novaj vortoj

(*Opinio de simpla esperantisto.*)

Jes ni ne deziras nenecesajn novajn vortojn, sed ni deziras ke oni oficialigu tiajn, kiajn moderna lingvo bezonas. Ke internaciaj vortoj laŭ regulo 15, jam estas oficialaj, nur utilas al personoj sciantaj kelkajn lingvojn.

Ĉu sinjoro H. F. G. kredas, ke la amaso de la efektive Esperanto-parolantoj deziras diri, ke ŝafo *bleĥas* kaj ankaŭ leono, porko, ĉevalo, korvo k.t.p. blekas, ke vinberujo servu por vito, ventro anstataŭ sinon.

Ni volas disvastigi lingvon kiu ne malsuperas naciajn lingvojn laŭ interna valoro. Ni malŝatas la titolon « *helpa lingvo* » ĉar ĝi donas ideon de surogato.

Antaŭ ĉio ni deziras, ke oni enkonduku dudekon da radikvortoj por la tro oftaj « mal »vortoj. Kiam Esperanto ankoraŭ havis malgrandan vorttrezoron ili estis tute konvenaj. Sed nun ili estas sendube pli malutilaj ol utilaj. Malnovaj esperantistoj eble ne samopinias, ĉar ili jam kutimas la uzadon. Sed tiuj, kiuj lernis Esperanton dum la lastaj dek jaroj alie opinias. Mi havas konaton, kiu kvankam li lernis Esperanton jam antaŭ 35 jaroj kaj flue parolas, tamen intermiksas « seka — malseka, fermi — malfermi ». Tian konfuzon pri la « mal » vortoj, oni povas observi ĉe esperantistoj flue parolantoj. Ĉar ne ekzistas radikvorto por « Malgranda » oni ofte uzas en tute sama senco « eta » kaj fuŝas tiamaniere la belan nuancan kiun oni povas esprimi per ĝi.

Kial la Lingva-Komitato ne agas por forigi tiun malbonaĵon? Kial ĝi ne proponas duonoficialan areon da belsonaj, klaraj mallongaj vortoj. Aŭ ĉu eble la vortoj uzataj de nia poeto Kalocsaj anstataŭ la malvortoj, jam trovis la silentan aprobon de l' Lingva-Komitato ? Se jes, tiam bonvolu ilin baldaŭ publikigi, ĉar oni avidas al radikoj por *Mallonga, Malfermi, Maldeĥstre, Malseĥa, Malsupre*, k.t.p.

Cetere en la listo de oficialigotaj vortoj « *svelta* », kvankam pli mallonga ol gracila, ŝajnas malpli bona, ĉar ĝi tro similas al *ŝvela*, do facile konfuziĝas.

Georg SIECHE, *Hirschberg.*

## Pri Esperanto-parolfilmo

De komenco la filmo pli kaj pli perfektiĝis kaj konkeris la mondon. Ĝi fariĝis la perbilda peranto inter la terpartoj ; la filmo estis komprenebla al ĉiu rigardanto por la intervicigitaj klarigtekstoj laŭ bezono en la lingvo de l'lando.

Aperis la parolanta filmo. Per nekredebla forto ĝi flanken puŝis la mutan filmon. Samtempe malaperis la nelimigata internacia uzebleco de la muta filmo. La parolanta filmo povis esti montrata nur en landoj kun sama lingvo.

Ekstaras nun la demando, ĉu Esperanto ne estas la taŭga ilo por redoni al parolfilmo la internaciecon. Ni supozu, ke filmkompanio produktus parolantan filmon en Esperanto. Ĉu tiu filmo praviĝas la monon pro ĝi elspezitan ? Oni pripensu, ke normala filmo kostas kelkajn centmilojn, kaj ĉiu konkludas, ke neniu kompanio riskos tian entreprenon, ĉar mankas la sufiĉ-multnombra rigardantaro. En la estonteco, kiam Esperanto estos disvastiĝinta tra la tuta mondo kaj grandaj popolrondoj estos kapablaj paroli kaj kompreni ĝin, eble tiam la esp. filmo certigos monprofiton. Sed tio signifus la forigon de naciaj lingvoj. Ĉu Esperanto celas ekstermi ilin aŭ nur esti ilo peranta internaciaj rilatoj ?

Laŭ ĉi tiu vidpunkto, Esperanto ŝajnas ne esti aplikebla, sed ni rigardu la vojojn kiujn iris la filmkompanioj por fari la parolfilmon montrebla en ĉiuj terpartoj ; jen unu el ili :

Oni eldonas la filmon laŭ intenco en du aŭ tri diversaj lingvoj. Oni ŝanĝas la aktorojn, t.e. oni igas ludi scenon per ekz. franc-parolantaj aktoroj, poste la saman scenon per hispanparolantaj ktp. — sed ankaŭ tiu helprimedo tute ne plenumas la postulon al internacia uzebleco de la parolanta filmo, ĉar en la mondo estas parolataj pli ol nur tri lingvoj. Produkti filmon en ĉiuj lingvoj ne estas eble pro la kostoj.

La alia vojo : Oni fordonas la parolfilmon en originala formo al aliaj landoj, nur oni skribas klarigantan tekston sur la bildoj por ke la rigardanto, ne komprenante la fremdan lingvon, tamen komprenu la enhavon. Do oni aplikas denove tekstojn kiel antaŭe en la muta filmo, sed la produktanta firmo per ĉi tiu plej uzata eliro evitas elspezojn, kiujn postulas du aŭ trilingva eldono.

Bazante sur la fakto, ke oni malgraŭ ĉio bezonas tekstojn por internaciigi parolantan filmon — ĉu oni ne opinias ke Esperanto estus grava helpilo rilate al ĉi tiu afero ? Jen realigadpropono, kiu estos eble sukcesplena :

La filmo estas fabrikata foje en la landlingvo, poste per la samaj aktoroj en Esperanto. Supozante, ke ili scipovas Esperanton, mi kalkulas la Esperantigadon nur tre malmultekostan komparante al la pli-ol-unu-lingva metodo. La esperantan eldonon oni ekipas kun klarigtekstoj kaj forsendas ĝin en la eksterlandon. Al la eksterlandulo estas tute negrave, ĉu li aŭdas fremdan lingvon aŭ Esperanton — li ja komprenas la filmon nur pere de la klarigoj. Eble — ni tamen esperas tion- kontinua reapero de esperantaj filmoj efikas pli fortan disvastigadon ol ĝis hodiaŭ la movado realigis, tiam estos ankaŭ eble forstreki la tekstojn kaj prezenti al la rigardantaro puran Esperanto-parolfilmon ! W. Z.




# Tra la gazetaro

De nun ni regule aperigas tiun ĉi rubrikon, ĉerpante legindajn informojn el nia gazetaro. Malgraŭ la krizo, la esperantista gazetaro, persistas la jam antaŭe ne facilan vivon. Kontraŭe aperas eĉ novaj — kvankam modestaj laŭ aspekto — periodajoj, kio pruvas la fortan volon, ke Esperanto vivu kaj progresu.

∴

*La Lumo Orienta* (organo de Japana Budhana Ligo Esperantista) Rokujo-Takakura, Kioto, publikigas sinsekve vortaron de Budhismo. Ekzemplo :

Bonzo. *Homo kiu sin dediĉas al la irado de la Okera Vojo, por tio forlasante distraĵojn de mondaj aferoj. Li ricevas sian nutraĵon donace de la laikoj, kaj kvankam li ne estas devigata redoni ion por la nutrado, li ofte agas kiel instruisto kaj predikisto. Li direktas sian vivon laŭ la Dek Principoj.*

∴

Proverboj ofte estas internacie uzeblaj. En *La Revuo Orienta,* la organo de la Japana Esperanto Institutó nin malkovras kelkajn perlojn :

« *Ne longe daŭras sinjora favoro.* »

« *Akiro kaj perdo rajdas duope.* »

« *Laŭdu belecon de l' maro, sed ĉe rando de arbaro.* »

« *Danĝera estas bovo antaŭe, ĉevalo malantaŭe, kaj malsaĝulo de ĉiuj flankoj.* »

« *Kun kiu vi kuniĝas, tia vi fariĝas.* »

∴

*The British Esperantist,* eniras sian 29an jaron de ekzisto. El recenzo de S-ro Butler, pri Parnasa gvidlibro (kiel fariĝi poeto) jenaj rimarkoj estas nepre atentindaj :

*Aparta demando estas tiu pri la malaj vortoj. Estas vere, ke kelkaj estas longaj, kaj ke la uzo de radiko unusilaba ŝparas tempon. Vere ankaŭ, ke pri du vortoj multaj emas heziti :* ial malfermi *ne ĉiam venas senpense en la kapon, kaj* malmola *havas molan sonon. Se la Lingva Komitato starigus fermitan liston de 5 aŭ eĉ 10 alternativoj por oftaj malaj vortoj, mi persone ne tro forte protestus. Sed ĉu tie la afero haltus? La pogranda forigo de* mal *(kaj en la praktiko temas pri tio) estus katastrofo. Pli saĝa ol tio estus la forĵeto de la tuta aro :* aperto (*kial ne* ovri?), basa, disipi, dista, dura, fajna, febla, frida, lanta, leĝera, magra, morbo, noci, olda, pigra, plumpa (*ne=angla* plump), poltrona, prohibi, rara, sinistra, softa, streta, tarda, tenebro, trista, turpa, *k.a., kiuj, cetere, prezentus veran malfaciligon de la lingvo. Kaj mi nemion konsentas, ke la bela linio de Grabowski*

La tago malvarma, malgaja, sensuna

*donas la impreson de « tago sunplena somera » Por mi tiuj malo-vortoj esprimas perfekte kaj pozitive*—malvarma, malgaja, sensuna!

(1) *Fine svarmas vortoj tute senutilaj aŭ alikaŭze forĵetendaj :* Baĉeloro (*junulo*), botono (*burĝono*), centurio (*homcento*), ĉizojo, dekado (*jardeko*), dokta (*klera*), drogmano (*interpretisto*), egardi, eskvizita, friŝtiko, gelo (*frosto*), ĝartero, humuro, kompano (*kunulo*), kripo, kuto (*jupo*), kvesti (*monkolekti*), lazarono, mentala (*mensa*), mimo, mitingo, ostenti, paseo, pelelo, prefaco, primavero (*printempo*), prominenta, resurekti, riporti, seńioro, sepulti, simultana, siro, sozio, st.ko, stopi, uvo, uzurpatroro, vasko, *kaj multego da aliaj.*

*Oni diras, ke la enkonduko de tia rubamaso prezentas nenian danĝeron, tial, ke la libro celas ne la novbakitojn, sed nur la perfektiĝintojn. Sed tiuj vortoj, se aŭtoroj ilin uzos, nepre trafos kaj konfuzos ankaŭ la novbakitojn.*

∴

*Ligilo,* monata revuo por ĉehoslovakoj, aperanta en Prostejov enhavis artikoloran koncizan pri la reorganiza problemo, verkitan de D-ro Aug. Pitlik. El la diskutoj vidiĝas ja, ke la plimulto de la esperantista publiko nenion scias pri la antaŭaj klopodoj, realigi racian organizon. Tiaj informaj artikoloj objektivaj estas utilaj. En la sama gazeto estas rubriko regula de UEA, afable disponigita de la redaktoro kaj eldonanto, S-ro Heikenwälder. Jena pripenso estas atentinda :

*Ĉu baloto pri la nuligo estis prava kaj voĉdonis vere la organizita Esperantistaro? Por nuligo de kontrakto de Helsinki estis laŭ voĉoj* 5.401, *kontraŭ* 1.608, *Detenis sin* 1.400. « *Misera plebs* » *tute ne sciis, kion oni preparas dum la kongreso. Ĝi sole devas pagi kotizojn kaj obei « generalojn », sub puno de tuja pendigo. Karuloj, vi terure eraras. Soldateca disciplino ne havas lokon en granda rondo familia.*

∴

*Pola Esperantisto,* en sia Decembra numero enhavas kritikon de « Alf. » de la organiza projekto proponita al la Esperantistaro. La titolo de la artikolo estas : UEA ĉu UFE? Kelkaj konstatoj pri la propono de nova organizo :

***Plej interesa demando, kiun starigos unue ĉiu samideano, estas : Ĉu la projekto alportas ŝanĝon de antaŭaj principoj kiuj kaŭzis nuligon de la kontrakto de Helsinki? Oni devas la***

*demandon sincere respondi per « jes ». La projekto forigas tre simple kaj « sendolore » la ekzistantan ĝis nun UEA, englutante bonvole ĝian havaĵon materialan kaj moralan, transprenante jam pretajn, de multaj jaroj praktike elprovitajn aranĝojn (delegitoj kaj servoj) — jen la ŝanĝo. La cetero — oni povas tiel diri — restis preskaŭ senŝanĝe.*

* * *

Skizante la diversajn partojn de la organiza projekto la kritikinto konkludas interalie :

*La projekto certe kontentigas diversajn personajn ambiciojn de kelkiuj partoj de nia movado, sed neniam volon kaj postulon de la plimulto. Mi ne povas antaŭvidi la sintenon de diversaj naciaj societoj, sed el la aŭditaj voĉoj oni povas konstati, ke eĉ en tiuj landoj, kies societoj puŝis al la ŝanĝo oni jam rigardas sobre la faktojn kaj ne akceptas senrezerve la kreitaĵon.*

*Tial la demando starigita en la titolo de tiu ĉi artikolo havas nur unu respondon, kiun ĉiu samideano post konsidero mem trovos.*

* * *

*La Suda Stelo,* organo de la Esperanto-Movado en Jugoslavio, aperas en Slavonski Brod, redaktata de fervora nova forto, S-ro Franjo Homar. Jam aperis ses tre plaĉe presitaj numeroj (dum preso venis la sepa). La enhavo de la nova gazeto estas bonstila, vigla kaj kuraĝiga. Al la sindonaj eldonanto kaj redaktoro : Sukceson en Nova jaro.

La demando de organizo ankaŭ okupas la jugoslavajn samideanojn. En la decembra numero de Suda Stelo aperis intervjuo kiun havis la redaktoro kun la prezidanto de la Jugoslava Ligo, D-ro Stefanĉiĉ. Leginda estas ties konkludo pri la organiza projekto :

*Nenion novan do kreas la statuto kaj ĵus pro tio ĝi signifas paŝon reen malgraŭ sia unuiga pretendo. Malnova popola proverbo diras : « Diru al mi KUN kiu vi estas kaj mi al vi diros, KIU vi estas ». Por ni JEL-anoj, Esperanto ne estas nur iu helpparolilo por sportaj aŭ aliaj materialaj celoj. Esperanto por ni estas plejvalora edukilo en internacieca direkto lingvo de l'internacio. Pro ti antaŭ ol decidi, ni, JEL anoj plenrajte demandas al la estontaj UFE-anoj : « Kiuj vi estas? ».*

* * *

*Teritoria Tribuno* de UEA Delegitaro en Ĉeĥoslovakujo, N-ro 11 citas parton de letero de D-ro Kamaryt, prezidanto de la Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista :

*La esperantistaro diskutas pri ŝanĝo de la organiza skemo. Ni en Ĉeĥoslavakio estas en agrabla situacio, ke ni ne estas devigataj partopreni la disputo, sed simple observi. Ni nome povas esti rigardataj kiel ekzemplo. Ĉar dum relative plej granda nombro de UEA-anoj ni posedas bonege funkciantan nacian asocion kun respektinda tradicio.*

*Organizo de la movado en Ĉeĥohlovakio estas tia, ke ĉia ajn organizo, anstataŭonta la nunan sistemon, nepre estos devigata demandi nin, ĉu ni konsentas kun iu ajn ŝanĝo. Tial ni estas en agrabla situacio, ke ni ne devas uzi niajn fortojn por disputo pri organizo, sed resti ĉe nia sistemo de kvieta kaj daŭra laboro. Sed persisti en tiu ĉi nia, ĉeĥoslovaka, sistemo, tio estas NIA DEVO, al kiu ligas nin la rezultoj akiritaj kaj tradicio, je kiu ni rajtas fieri. Ni nenion volas ŝanĝi en nia idealo : forta nacia asocio, multaj anoj de la internacia individua unuiĝo UEA.*

---

La debeton kaj dilemon ni nur povas privenki per kunhelpo de ĉiu ano al kies celo ni jene konsilas :

Al la liga direktoro sendu denun nur materialon rilate al organizo. Propagando kaj aliĝo. Se eble aldonu responkuponon al demandoj, kiuj postulas respondon.

Ĉiujn monpagojn, aliĝpago, jarkotizo, nepre nur sendu rekte Chemnitz, Polizeipräsidium - (Saksujo).

Ĉiujn informojn pri nia movado, kiuj taŭgas por prilaboro al publikigado en nia Revuo nepre nur alsendu al nia liga redaktoro S-ro A. Pohle, Krim. Komisario, Dresden, Johann-Meyer-Strasse 6 b IV.

Multe da laboro ankaŭ povas esti forprenita de la direktoro nur uzante la servojn de la landaj delegatoj. Certe ĉi tiujn volonte donas la necesajn informojn, kiuj koncernas nur aferojn en staj landojn

Fine la direktoro dankas al ĉiuj fidelaj kunhelpantoj kaj petas ilin, ankaŭ estonte nepre daŭrigi la ĝisnunan agadon por ke nia ligo atingu la necesan atenton ne nur en, sed ankaŭ ekster Esperantujo!

En ĉi tiu celo plue antaŭen ankaŭ en la nuna jaro!

*Liga Direktoro.* A. POHLE,




# Internacia Polica Ligo

## Oficiala Informilo

Plenumante estraran komision ni informas nian liganaron jene :

Depost fondiĝo de nia Internacia Polica Ligo (I.P.L.) el ruinaĵoj de la iama Tutmonda Polica Ligo (T.P.L.) nun jam pasis 3 jaroj. Ĉi tiu tempo estis plenigita de streĉanta laboro propagand- kaj varbcele, pri kies rezultoj ni povas raporti jene :

Laŭ § 16 de nia statuto nia ligo daŭre klopodas, nepre akiri delegiton en ĉiu lando por reprezenti ĝin kaj por administri ĝiajn lokajn aferojn konforme al niaj statutaj instrukcioj.

La ligestraro ĝis nun sukcesis akiri landajn delegitojn en jenaj landoj :

*Belgujo* : S-ro J. Derweduwen, polickomisario, Antwerpen, Vestinstraat 49;
*Ĉeĥoslovakio* : S-ro Josef Sprušansky, detektivinspektoro, Komarno, Zupna 13, Policajni Komisariat;
*Francujo* : S-ro Antoine Schwartz, policinspektoro, Strasbourg (Bas-Rhin), 10, rue Engelhardt;
*Germanujo* : S-ro Erich Lipik, kriminalkomisario, Berlin-Lichtenberg, Augustastrasse 9a;
*Hispanujo* : S-ro Juan Mancheño, policagento, Irun, Inspeccion Vigilancia;
*Italujo* : S-ro Arturo Passerini, havenpolicoficiro, Livorno, via Cotelo;
*Latvujo* : S-ro August Krauze, higienpolicoficiro, Riega, Zwaigzun iela 21;
*Litovujo* : S-ro Andrius Borkauskas, policjurnalisto, Radviliskis, Staulin g-ve 86;
*Nederlando* : S-ro J. Alberda, Policoficiro, Nijmegen, Boerweg 23;
*Norvegujo* : S-ro Anders Hagen, policisto, Oslo, Skippergatan 36;
*Svedlando* : S-ro A. K. Orn, policisto, Gävle, Hospitalgatan 11;
*Turkujo* : S-ro Stejepan Mišak, Adana, Posta kutuso 114.

Landaj delegitoj mankas al ni en Aŭstrio, Danlando, Saarteritorio, kaj Usono. En ĉi tiuj landoj nia ligo havas membrojn, sed ĝis nun neniu el ili kuraĝis, akcepti delegitan oficon.

Niaj penadoj, gajni reprezentantojn en Britujo, Bulgarujo, Greklando, Hungarujo, Japanlando, Jugoslavujo, Polujo, Portugalujo, Rumanlando kaj Svislando same restis vanaj ĝis nun. La esperantistaj samfakuloj ekzistantaj en ĉi tiuj landoj ĝis nun restis tute indiferentaj al nia ligo kaj al nia internacia fakmovado. Ni esperu, ankaŭ inter ili baldaŭ vekiĝi la intereson por nia internacia fakmovado pruvante sin per aliĝoj al nia ligo.

Nur la komuneco kaj unueco garantias al nia fakmovado la nepre bezonatan fortecon al plua disvastigado kaj evoluigado.

Nia Internacia Polica Ligo interkonsentis kun Universala Esperanto-Asocio pri reciproka interŝanĝo de servoj. Pere de ĉi tiu interkonsento nia ligo gajnis multe da helpantoj por nia fakmovado el la rondo de la U.E.A. delegitaro.

Kelkaj anoj eble povus riproĉi al ni, ke ni internacie ne sufiĉe varbis kaj propagandis. Sed tio ne estas. Ni dissendis amason da informiga materialo, varb- kaj propagandleterojn al centoj da esperantistaj kolegoj ĉiulandaj, al multaj policadministracioj, al policdirektoroj, al policprezidantoj kaj aliaj policaltranguloj. Tiamaniere ni elspezis la lastan reston el nia kotizenspezoj kaj eĉ oferis rimedojn el privataj poŝoj ofereme disponitaj al nia movado. Al ĉi tiaj oferemaj bonvoluloj ni esprimas ankaŭ ĉi tie nian tutkoran dankon.

Certe ekzistas multaj ideoj pri ekspansiigo de nia propagandlaboro. Sed de kie preni la necesajn rimedojn, kiujn postulas ĝia efektivigo? Niaj enspezoj venonte eĉ malpliiĝos. Kaŭze de la malbonaj ekonemiaj cirkonstancoj ĉiulande ni estis devigataj redukti la jaran kotizon je 5 RM. depost la jaro 1933.

# Literaturo

## Rusa konstruo

De F. Jaspert

La Kvinjar-plano de l' soveta registaro sekvigis montegon da artikoloj, broŝuroj, libroj. Ni reproduktas tie ĉi spertojn de germana inĝeniero, laboranta en Ruslando.

Donbas, Kusbas, Magnitogorsk, Balkaŝstroj, tiuj nomoj, kun kelkaj aliaj, magie sonadas al la nuntempa ruso. Tie, en la Doneca kaj Kusneca karbobaseno, ĉe la Urala magnetmonto kaj en la kupromontaro ĉe la Balkaŝ-lago, precipe koncentriĝas la industriigo de la tuta lando. Tien estas direktataj ĉiuj okuloj, kiam oni pensas pri la kvinjar-plano. Tie troviĝas tertrezoroj, kiuj nenie en la mondo tiom amasiĝas.

De Moskvo al Donbas oni vojaĝas du noktojn kaj unu tagon. La internacia rapidvagonaro, kiu venas de l' nordo kaj veturas al Tiflis-Baku, alvenas precize je la tria en la Kurska stacidomo. Mian vagonfakon eniras ankoraŭ tri rusoj. Ĉiuj tri estas inĝenieroj. Ĉu do ĉio ĉi-tie en Ruslando estas tekniko ? Efektive, la teknikaj altlernejoj estas plenaj dum la aliaj fakultatoj havas nesufiĉan lernantaron. Unu el la kunvojaĝantoj, hejtada specialisto, rakontas pri la novaj sanigfontoj en la Kaŭkazo, kien li ĝuste veturas. Pri la nova Ruslando, li estas entuziasma; konvinkita komunisto, li rokofirme kredas je la konstruo kaj la atingo al la celo fiksita. Dum ni traveturas la lastajn antaŭurbojn de Moskvo, li fiere montras al mi malnovan preĝejon transformitan je klubdomo. Mi vidas ankoraŭ la profunde melankolian senmovon de lia patro, maljuna kamparulo, kiu, akompaninte lin al la fervojo, krucosignis sin mem kaj la filon, kiam la vagonaro ekmoviĝis. Du generacioj, du mondperceptoj.

En Ĥarkov, la ukraina ĉefurbo, mi vizitas kun kolego, tiea supera inĝeniero la novan traktorfabrikon, kiu ĝuste tiun tagon estas inaŭgurata. Tra la stratoj pendas laŭlarĝe ruĝaj flagoj kaj diafanaj bildoj kun laboristaj motoj kaj signalvortoj. Ĉiuj lanternoj malaperas post ruĝaj drapaĵoj, sur kiuj legiĝas la literoj X T Z, tio signifas : « Ĥarkova Traktor-Fabriko ». La urbo estas plena je vigla movado. Laŭlitere la fabriko dum unu jaro kaj duono elkreskis el grenkampo. Ĉiu Ĥarkova laboristo, ĉu oficisto, ĉu portisto aŭ skribmaŝinisto, dum unu tago helpis konstrui tiun fabrikon. Kun febra rapideco ĝi estas starigita ankaŭ arĥitekture unuaranga konstruaĵo. Cent traktoroj devas ĉiutage forlasi la farejon. La uzino staras, sed konservo kaj laborado estas malpli kaj malpli modelaj. La kvalito de la traktoroj ne multe valoras, alta procentaĵo bezonas rebonigon. Tiu kontrasto inter la neriproĉebla konstruo de produktejo kaj la sekvanta administro estas nepre ne jam egaligita en la nuntempa Ruslando.

Antaŭ la festprocesio je l'honoro de la nova fabrikejo, kelkaj traktoroj rapidegas kun tondra bruego sur la pavimo. Vespere oni ludas en la teatro por ukraina kulturo dramon laŭ la stilo de Piskator : « *La konstruo de la Granda Traktor-fabriko* ».

Sur ŝlimsulkaj vojegoj mia kovrita veturilo skuiĝadas tra la urbo Makiefka al la novaj loĝejaroj. De la Moskva trusto mi estas sendita tien, al la suba fluo de l' Donec, vizitonta muntistan loĝejaron laŭdire finmasonitan el plategoj, por tie doni lastajn ordonojn. Sed spite lacigan serĉadon mi ne trovas la domaron, ĉar ĝi ne jam ekzistas. Eble okazis konfuzo kun kelkaj dekduoj da domoj konstruitaj el du manŝtonoj. Tiajn diferencojn inter la trusto projektanta, la ĉefstabo, kaj la konstruejoj, la fronto, oni senĉese trovas. Ofte la konstruestraroj nepre malatentas la planojn de supre venintajn. La samo okazas, kiam la provinco raportas al la ĉefministrejo. Laŭ la gazeto « Izvestija » la fabrikoj kaj regnaj bienoj ofte raportas falsajn, ĝenerale pli altajn « plannombrojn » al Moskvo, kiujn ili asertas esti atingintaj. Estas vero, ke ĝenerale la ĉefa estraro honeste intencas diri la veron, almenaŭ ekscii ĝin; sed la subaj oficistaroj ne ĉiam samcelas, ĉar la neatingo al neatingebla alta nombro de la planplenumo estas deklarata malfunkciado de la loka administro, do punata.

Proksime de la loĝdomaro nova eltirturo altiĝas el la fumego de la industria ĉirkaŭaĵo. Tiu minputo estas provizita je ĉiu komforto de moderna tekniko kaj higieno; banejoj por laboristoj kaj oficistoj, elektraj boriloj, plej nova sistemo de malvarmigo per kunpremita aero, k.t.p. Demandite ĉu estas agrable, tie labori, laboristo respondas min : « Mi ja ne tie laboradas, sed transe en la minputo « Ivan ». La laborkondiĉoj estas kiel eble plej malbonaj, en la pli subaj galerioj eĉ vivdanĝeraj. Tiaj minirejoj, kia la « Nova » troviĝas tie nur du; la ceteraj estas ĉiuj fuŝzorgaĵaj. La saman bildon estigis la rakontoj de germanaj « Kumpel'oj » (ministoj) venintaj el mia hejmlando ĉe la Wuppervalo. Multaj reveturas, eĉ certe sciante ke senlaboreco minacas ilin. Kaj la vivcirkonstancoj kaj la laborkondiĉoj en la minaro ĉe la Donec ŝajnas al ili fuŝaj. En libera komerco panbulo kostas 10 ĝis 15 rublojn, botelo da ĉampanvino nur 8. Dum mi staras inter laboristoj bonkoraj, sed nepre ĉifonvestigitaj, unu el ili alparolas min tute korekte germane. Antaŭ la milito tiu viro estis teknika gvidanto de maŝinfabriko, nun li estis politike suspekta kaj tial ne havis la permeson uzi sian laborpovon kiel inĝeniero, sed devis laboradi kiel ministo por mizera salajro. Tiaj okazoj ne estas unufojaj; por la ŝtato ĉiu soveta regnano devas plenumi ian ajn laboron, kiun la socio (alivorte : partia devigo) de li postulas. La stacidomo Makiefka ne estas pli granda ol fervoja vagono, malpura kaj ruiniĝanta, sed la urbo nombras 160.000 loĝantojn. En la trafosita ŝlimo de la stacidomplaco sidaĉas dekduoj da familioj, duonmortaj pro malsato, ĉifonvestitaj, mizeraj, atendante lokon en iu vagonaro veturiganta ilin kun ilia posedaĵo al alia laborloko. Tiu tiel nomata ondado, la vagado de la laboristoj de laborloko al laborloko, estas hodiaŭ fakte danĝero por la ŝtato. La homoj kredas, ke aliloke en la vasta regno devas tamen esti pli bone ol tie, kie ili nun estas. Tial, kun edzino kaj idaro kaj la tuta havaĵo, ili formigras. La vagonaroj estas ĉiam plenaj je tiaj homamasoj. Ili dum tagoj kaj noktoj pacience atendas antaŭ la stacidomoj de urboj kaj vilaĝoj. Senkonsola, terura aspekto ! Ĉe la stacidomo staras asfaltkaldronoj. Ŝajnas, ke oni tamen volas ordigi la placon. En unu el la malplenaj kaldronoj, kiujn mi malfruvespere preterpasas per pezaj paŝoj, kuŝas kvar « *Besprisornikoj* » malzorgitaj knaboj, kiuj tie, premante sin unu al la alia, trovis dormejon. Kvankam la plej multo de tiuj

besprisornikoj estas loĝigitaj en hejmoj, oni tamen vidas multe da ili en la provinco.

En Kalino, unu horon distanca de l' Nigra Maro, antaŭ unu jaro loĝejaro por ministoj estis finata. Sed la malgrandaj loĝejoj, projektitaj laŭ la plej nova scienco kaj moderna administro, estas nepre ne tiel loĝataj, kiel la projektoj intencis. Unue, en ĉiu lito kuŝadas du personoj; en la kuirejo staras faldebla lito, parte ankaŭ en la necesejo. Ĉi tiu estas ofte lokita en kampon. Tamen la homoj estas feliĉaj, se ili povas loĝi en tiaj ŝtondomoj. Kiom da ili loĝas en terkabanoj aŭ maldikvandaj barakoj. Beletaj estas la malnovaj dometoj en Suda Ruslando, malantaŭ ĝardenetoj en eksterproporcie larĝaj stratoj. Sed en la ĉirkaŭaĵo de industriaj centroj ankaŭ tiuj dometoj estas jam tro plenaj. Ili memorigas pri la unuaj, malnovaj, hejmecaj laboristo-dometoj en la karboregiono ĉe la Ruhr, meze de l' pasinta jarcento.

La proporcie plej bonan ordon kaj disciplinon mi trovis en fabriko ne pli detale priskribota de mi. Tie laboradas germanaj faklaboristoj. La templimo fiksita al mi por la projekto de loĝo- kaj vendodomoj devas esti plej precize atentata. Dum la mallonga tempo, kiun mi tie pasigas, parto de la germanaj laboristoj remigras en la hejmlandon. La Germanoj ĝojigas min pri sia natura maldelikateco kaj defendo kontraŭ maljustaj postuloj de la parti-estraro. Kiam laŭ-tarifa laboro ek de iu tago estas postulata, unu el ili iras al la komisiono kaj, senĝene uzante sian dialekton, diras : « Rilate la tarifon, ne tiom rapide ! » Unue oni devas estigi aliajn laborkondiĉojn ! Hodiaŭ mankas la materialo necesa, morgaŭ la prepara laboro de la rusaj kamaradoj ne sufiĉos, postmorgaŭ mankos la helpuloj, kaj ĉio ĉi je malproporcie malalta tarifo. Ĉar la kondiĉoj ne estas plenumataj de la rusoj, la germanoj prenas siajn kofrojn kaj veturas hejmen.

Meze de la dezerto, malproksime de fervojo aŭ urbo, situas Balkaŝstroj, la estonta plej granda kuprocentro de l' mondo. En tiu regiono kirgizoj kaj tataroj nomade vivadas en malgrandaj « jurtoj » (rondaj tendoj el pelto) kaj tendoj. La nenomadaj loĝantoj vivas en argilaj konstruaĵoj ĉirkaŭitaj de altaj muroj. La temperaturoj estas somere nekutime altaj, vintre malaltegaj. Krome blovas ĉiam sabloventegoj de la montaro Altai. Jen nun, kelkajn monatojn post kiam oni komencis konstrui la minputojn, la homoj centope migras tien. La dezerto kovriĝas per longaj barakoj, tendoj, komunumaj domoj, terloĝejoj. Eĉ subĉiele loĝaĉas laboristaj familioj. Dum la vintro ili kunrampas en komunaj dormĉambregoj. La vojoj estas apenaŭ uzeblaj. Krom fervojo unu-relpara nun konstruata kaj norde krucanta la Turksib-linion, ankaŭ ĉiujn materialojn transportas malgrandaj lignaj veturiloj kun kosak-ĉevaletoj. Por la ĉiutage kreskanta homamaso granda loĝejaro ĉe la norda deklivo de la Balkaŝ-lago estas projektita. Lernejoj, klubdomoj, teatroj por 20.000 homoj, sportejoj, kaj ripozparkoj devas estiĝi kulturlokoj por la laborantaro de la novaj uzinoj. Sed bedaŭrinde la nova urbo hodiaŭ eĉ ne estas komencita.

En Moskvo oni elpensas tipajn projektojn, laŭ kiuj la tuta lando konstrui loĝejojn. Sed kiel estas eble, al ĉiuj malsamaj homoj, malsamaj klimatoj aŭ pejzaĝoj de la vastega regno altrudi la saman tipon ? Por la urbo Balkaŝstroj mi projektas domojn kiuj iom similaj al la malnovaj argilkonstruaĵoj, tamen ne malatentas la progresojn de la kulturo kaj higieno. Sed la estraro de la trusto obstine kontraŭstaras. Tia sinteno de la rusoj estas eble unu kaŭzo de la malsukcesoj okazintaj ĉe la trorapida industriigo de l' popolo. Io grandiĝas, aŭ pli ĝuste estas greftita sur la popolo, kio ne kreskis laŭ natura evoluo.

Trad. E. TUNA.

# Hinda hejmo

Hinda gastamo estas proverba. Eĉ nekonatuloj invitas al sia hejmo fremdulojn renkontitajn kaj amikiĝintajn survoje aŭ en vagonaro. Por honori karan gaston, oni metos ĉirkaŭ lia kolo kronaĵon el floroj.

La ŝuojn aŭ sandalojn vi demetu ĉe la pordo kaj lasu tie aŭ en koridoro. Proprajn littukojn kaj maldikan matraceton ĉiu portas kun si en vojaĝa rulaĵo. Vi malvolvu ĝin sur la plankon kaj dormu tie, se mankas lito. Cetere litoj estas kutime nur bretoj, foje kadro el bambuoj kun plektitaj zonoj. Kuŝi surtere estas afero tute kutima.

Ankaŭ manĝi surtere oni kutimas. Ĉe riĉuloj vi ricevos tapiŝeton aŭ breton por sidi per falditaj kruroj. Sur la planko ŝtona kuŝas antaŭ vi la bronza pleto, sur kiun la servisto metos rizon per granda kulero kaj ĉirkaŭe verŝos en tasetojn diversajn legomojn en pipraj saŭcoj, neforgesante dolĉaĵojn el mielo kaj migdaloj.

Plej refreŝiga estas acida lakto kun herbetoj. Anstataŭ pano vi ricevas varmajn platajn kukojn el tritiko aŭ el piza faruno kun fandita butero. Per tri fingroj de la dekstra mano vi ŝiru pecojn kaj envolvu iom da rizo miksita kun legomo kaj saŭco. Post iom da ekzerco la novulo lertiĝas en arto manĝi elegante kaj gracie per tri fingroj. La maldekstra mano restu ĉiam pura por preni fruktojn el pladoj. Neniam ĝi tuŝu la buŝon. Tio estas severa regulo de pureco kaj higieno. Unu mano por persona uzo kaj alia por komuna. Post la manĝo, la gastigantoj prezentas akvujon kaj tukon por lavi manojn.

Familianoj manĝas apud la kuirejo aŭ en ĝi. Servistoj, plej ofte viroj, rostas la kuketojn antaŭ viaj okuloj sur fornetoj plenaj je ruĝaj karberoj. En Eŭropo ni nomas tion : « brasero ». Parizanoj vidas ĝin en vintro sur trotuaro ĉe kafejoj. Nombro de servistoj estas tre granda ĉe riĉaj homoj. Ili vivas kvazaŭ en vilaĝeto ĉirkaŭ la domo de mastroj.

Ĉe malriĉuloj oni kuiras mem. En malnovmodaj familioj la virinoj vivas en aparta ĉambraro kaj ne montriĝas en tiu parto de la domo, kien venas gastoj, sed la kutimo de « purdah » (kurteno) pli kaj pli malaperas nuntempe. Praktika estas la aranĝo de banĉambroj, aŭ pli ĝuste lavĉambroj. Sur teraĵo, ili havas simple cementan sojlon kun truo por elfluo. Vi ricevas grandajn sitelojn de varma kaj malvarma akvo. Bronzaj ujoj kuŝas apude. Per ili vi prenas akvon kaj verŝas sur vin mem laŭ plaĉo.

Ankaŭ estas kutime lavi mem siajn vestojn. La blankajn pantalonetojn aŭ ĉemizojn oni lavas ĉiutage pro la varmo kaj ŝvito. Hindaj viroj portas *dhoti*, t. e. tuko lerte volvita ĉirkaŭ ventro kaj inter kruroj. Ĉemizo aŭ ŝalo pendas super ĝi.

Reveninte Eŭropon, ne forgesu remeti la ĉemizon en la pantalonon anstataŭ ekster ĝi. Alie vi riskos neintencitan eksperimenton pri la rido kaj povos kontroli ĉu pravas aŭ ne la teorio de la franca filozofo Bergson, ke ridon kaŭzas la nekutimaĵo, do afero tute rilata laŭ moroj, landoj k.t.p. Pro tio la kampo de ironio kaj ŝercoj estas sufiĉe delikata en Esperanto kaj kaŭzas surprizojn al la studento kaj verkanto.

Hindaj virinoj portas *sari*, t. e. longan pecon el ŝtofo ses-ĝis-okmetran, kvarfoje volvitan kun faldoj ĉirkaŭ la korpo kaj supre ĵetitan gracie super ŝultro kaj kapo. Sur kampoj apud riveroj, tiuj rubandegoj, blankaj aŭ ruĝaj, eĉ violaj kuŝas por sekiĝi sub suno.

Virinoj dormas en sia *sari* kaj matene banas en ĝi, lavas ĝin kaj surmetas alian, dum la unua sekiĝas. Necesas posedi almenaŭ paron. Kiuj havas nur unu devas ĝin sekigi sur si mem sub hela matena suno.

Edm. Privat.

# La Japanino.

de Ernst SZÈP

La japanino estas malgranda kiel la japana verso. Kaj kiel la japana verso estas tia delikata, tia senfine gracia kreaĵo, tia ankaŭ estas la japanino.

La bonodora ĉerizfloro, la delikata mimozo venas en mian memoron, kiam mi pensas al la japanino. Neniam mi ja parolis kun tiu ĉi floro de la fora japana tero. Ĉagrenas min tio.

Dum mia vivo mi aŭdis kaj legis tiom da belo pri tiu ĉi eta poezia kreaĵo homa.



NUNTEMPA JAPANINO EN NACIA KOSTUMO

Amiko mia, vojaĝinte multe en Japanlando rakontis al mi, ke neniam li aŭdis krion aŭ ridegon de lipoj japaninaj. Li rakontis ankaŭ el sia sperto, ke la japaninoj en societo, aŭ en teatro, kaŝas ploron aŭ ridon per la ventumilo. Ankaŭ li laŭdas, ke neniam eĉ ne hazarde, ili faras mallertan, neharmonian movon. Tiel kiel oni reproduktas bilde birdon aŭ kateton en kia ajn situacio, ĉiam ĝi estas kun efiko harmonia, bela kaj arta. Mia amiko rakontis al mi ankaŭ, ke en Japanlando oni ne lasas putriĝi falintajn flor- kaj arbofoliojn en la ĝardeno. La servistino de la japana domo kolektas ilin en la aŭtuna ĝardeno kaj portas ilin al la rivero. Ŝi disĵetas ilin sur la akvo, kaj tiel plilongigas la vivon. Kreas al tiuj folioj freŝan sorĉsimilan forpason.

El la libro de l'angla verkisto Lafcadio Hearn mi konservis memore mirindan okazaĵon. La Anglo entreprenis en Tokio iun posttagmezan promenadon al kolego japana, en kies domo li estas ŝatata gasto. Por preni « *nigran* » tio signifas tie « teon ». Kiam Hearn kutime alvenis ĉe l'amiko, alkuris la filineto, la malgranda Asahi por lin saluti. Je tiu ĉi tago la infano ne vidiĝis.

« Kie estas mia eta Asahi, ŝi ne estas malsana », ĉu ? « Ne,» respondis la patrino — sed nunmomente ŝi ne eliras la ĉambron. Ŝi multe suferas. La pupo rompiĝis.»

« Aĥ, kara dolĉa floreto. Ĉu ne, vi permesas, ke mi al ŝi iru kaj ŝin konsolu ? »

La malgranda Asahi sidis en angulo de la ĉambreto kaj karese tenis la rompitan pupon. La ploroj falis sur la vestaĵon. La infano volis kaŝi la okulojn antaŭ la vizitanto.

« Rigardu vian amikon, malgranda Asahi. Kion vi do havas ? » « Ĉu vi ne vidas ke mortis mia pupo ? »

« Sed ne, ŝi ne mortis » — ridetis la profesoro, « la pupo ja ne vivis. Oni ne priploras tion.»

La okjara knabineto rigardis la anglan onklon kaj diris en serioza instrua tono « Sinjoro — ŝi diris — ĉio vivas, kion ni amas ».

Permesu ke mi rakontu ankoraŭ la fabelon de l'ĉasisto kaj de siaj filinetoj, mi legis tion en japana fabelkolekto.

Ĉasisto havis specialan plezuron, ekstermi la cikoniojn. Nenia kaptaĵo lin feliĉigis pli ol se li povis porti al sia hejmo mortigitajn cikoniojn. La ĉasisto havis du filinojn, kiuj amis muzikon kaj florojn. Ambaŭ ĉiam ekploris, kiam la patro elŝiris la plumojn al la mortigitaj birdoj. Ili genufleksis petante indulgon por la belaj kaj senkulpaj cikonioj. Vane. Foje la du knabinoj interkonsentis... kaj iun vesperon ili kaŝiris al la rizokampoj. Tie ili sin maskis per kunportita materialo en cikonioj. Ili staris atendante la patron ĉe angulo de la rizkampo ĉe loko kutime preterpasata de li post ĉasado. Li vidis en la malhelo la du cikoniojn, kaj sendis la sagojn. Konsterne li tuj konstatis, ke li mortvundigis siajn du filinojn. Tiel punis la infanoj la senkompatan patron. La malfeliĉa ĉasisto iris al la montaro, trovis kavernon, kie li restis kiel eremito. Funebra kruela fabelo.

Sed ankaŭ en fabelaron apartenas jena kortuŝa rakonto, kiun mi legis antaŭ nelonge en angla gazeto. Inoue Chiyoto, malgranda japanino estis la edzino de leŭtenanto Inoue Seichi el Kioto depost aŭtuno 1930 ĝis Januaro 1932. Iom pli ol unu jaro. Dudekjara ŝi estis.

Dum la unuaj tagoj de l'monato Januaro, leŭtenanto Inoue Seichi ricevis la ordonon morgaŭ foriri al la fronto en Manĉurio. La leŭtenanto legis kaj tuj iris al la kazerno. Kaj Inoue Chiyoto surmetis sian nigresilkan kimonon, kiun ŝi portis por la edziĝa festo, dismetis en sia ĉambreto blankan linkovraĵon, surgenius kaj faris al si per ponardo la du kutimajn tranĉojn, kiuj formas en Japanujo la Harakiri.

La leŭtenanto revenis tagmeze, trovis Inoue Chiyoto sanganta, ridelante ankoraŭ en la morto. Sur la kovraĵo troviĝis turosimile kvardeko da arĝentmoneroj, apude 400 frankoj en francaj bankbiletoj. Kaj nefermita letero. Kaj la leŭtenanto legis la jenon :

« *Mia estro kaj edzo,*

*plena estas mia koro, plenplena de ĝojo. Nenian parolon havas mia koro, sed nur ĝojon, ĝojon. Kaj en tiu ĉi ĝojo mi forlasas la mondon. Kaj vi neniun lasas hejme, kiam vi iros al la fronto. Mia estro kaj edzo, ĉio pasas en tiu ĉi mondo, nia feliĉo daŭros en la alia vivo, kie ni nin retrovos, simile kiel retroviĝos la akvoj de sama fonto.*

*Oni diras, ke en Manĉurio regas forta malvarmo. Atentu bone, ke ĝi ne igos vin malsana.*

*Sub via ombro mi povas ŝpari 40 Jenojn kaj 400 Frankojn, kunprenu ilin al Manĉurio kaj dividu ilin inter viaj soldatoj.*

*Via humila servantino.*
*Inoue Chiyoto.* »

La angla gazeto reproduktis el la japana la fotografaĵon de Inoue Chiyoto. Beleta, malgranda, moderna japanino kun infanvizaĝo — simile al tiuj kiujn ni okaze vidas en Parizo ĉe la universitato aŭ en la Pentrista Akademio.

(*Trad.* G. Agricola.)

# Mia Idealo

De Edw. H. Ede

*Jes ! Ŝi estas vera ripo,*
*El la flanko de Adam',*
*Ĉiu por edzino tipo*
*De servemo sen reklam'.*

*Tamen, foje kun Adamo,*
*Ĉe domestra politik',*
*Taŭgas ja, la voĉa gamo,*
*Por geedza polemik'.*

*Kaj, per flugilata vorto,*
*Tranĉe aldemandas ŝi,*
*Ĉu la tuto de la torto,*
*Apartenas do, al mi ?*

*Morgaŭ, kiel kerubido,*
*Ŝi abdikas sen sopir'*
*Tutan bruston del' kokido,*
*Por indulgi al la vir'.*

*Ho ! samkiel Stel' Poluso,*
*Daŭre logas ŝia am';*
*Ĉar ŝi estas omnibuso,*
*Kaj neniel, nura tram'.*

# Amkanteto

De H. T. Bailey

*Mi kisis ŝian manon,*
*Ŝian manon kisis mi;*
*Kisi ŝian manon*
*Ja permesis ŝi.*

*Mi kisis ŝiajn lipojn,*
*Ŝiajn lipojn kisis mi;*
*Kisi ŝiajn lipojn*
*Ja permesis ŝi.*

*Mi gajnis ŝian koron,*
*Ŝian koron gajnis mi;*
*Gajni ŝian koron*
*Ja permesis ŝi.*

*Edzino nun ŝi estas,*
*Geedzoj estas ni;*
*Kaj ĉiam vere restas*
*Amantoj ŝi kaj mi.*

# Manĝkunulo Morto

De Carl Georg von Maassen

La malicoj de l' sorto estas sennombraj. Pro banana ŝelo forĵetita, pro ĉeriza kerno elkraĉita jam multe da homoj, nenion antaŭsentinte, rapidis en la fantoman regnon. Maskita laŭ mil malsamaj ofte tre strangaj vidindaĉaj manieroj *Johano Klak'ostulo* aliras siajn viktimojn tiom malpretajn. Malice ridaĉanta li fortiras la moviĝeman breteton, sur kiu la homa marioneto — la mizerulo — kredas stari tiom nemovigeble kaj firme.

Ankaŭ la historio de la frandmanĝado devas rezervi ĉapitreton al tiaj surprizaj mortoj. Kiom da manĝemuloj, al kiuj dum luksa manĝo la ostulo senindulge fortiris la seĝon de sub la korpo. Okazaĵo ofte ekspluatita de la plumo de verkistoj. Mi ĝuste pensas pri la humorega romano de Gustav Wied « *La personigita malico* », en kiu la originala « manĝegsocieto » ludas rolon nepre ne kroman. Unu el ĝiaj anoj estas ornamita per la nomo « Luksventro » kaj pri tiu la kronikisto raportas : « Sidante hejme ĉe la tablo, li jam ekvidis la rostaĵon, bonegan bovidan renrostaĵon, kiam subite li demetis la tranĉilon kaj la forketon, ĉagrene alrigardis la mastrumantinon kaj diris : « Mi ne plu povas, Fraŭlino Svendsen ! » Post tio li falis de la seĝo kaj finspiris. »

Kaj jen historia ekzemplo : sultano Murad la kvara, kiu regis de 1623 ĝis 1640 kaj estis fifama pro sia krueleco, tiom dediĉis sin al manĝegado kaj drinkemo, ke tridekdujara li jam estiĝis ilia viktimo. Ju pli kreskis lia emo al ege spicitaj manĝaĵoj kaj vinoj alkoholriĉaj, despli pasiaj estiĝis la eksplodoj de lia senbrida kapricemo. Post la manĝoj neniu plu kuraĝis paroli kun li pri publika aŭ privata afero. Dum la malgranda Bejram-festo de la jaro 1640a li ĝuis sian plej bongustan, sed ankaŭ lastan festenon. Favoritoj kaj kuiristoj estis elĉerpintaj sin por eltrovi plej diversajn kaj bongustajn frandaĵojn. Eĉ la Malvasia vino estis miksata kun la plej alkoholriĉaj likvoroj. Jen venis la fino. Ĉe tiu plej luksa el ĉiuj tabloj Murad tiom manĝis kaj drinkis, ke li mortis pro tio.

Kiom da homoj sufokiĝis pro fiŝosteto aŭ fariĝis viktimoj de putritaj manĝaĵoj, kolbasoj aŭ konservaĵoj, venenaj fungoj. Thalas'on, grekan filozofon, sufokigis vinbero eniĝinta en lian traĥeon, kiam li ektimis pro subita ekbleko de azeno. Agatoklo, sicilia aventuristo, estis venenata per dent-purigilo. Pro venenaj fungoj mortis la edzino kaj idaro de Eŭripides, la imperiestro Klaŭdio, la papo Klemento VIII kaj la reĝo de Francujo Karolo VI. Don Carlos, reĝidon hispanan — estas vere ke la sciigoj ne estas nepre sendubaj — lia kruela patro Filipo II, ĝis morto manĝigis. Ni konsentu ke tiu maniero estas pli homama ol aliaj [1].

La sprita franca filozofo Julien Offray de la Mettrie, kies famaĉa, 1748 en Leideno aperinta verko « *L'homme machine* » kaŭzis bruegon tra la mondo, kaj kiun poste prusa reĝo pro scivolo venigis al Berlino kaj elektis kiel lektoron, mortis tiel same strange, kiel li estis vivinta. Nome pro trufa pasteĉo, de kio li verŝajne manĝis tro abunde. La kuracisto konsilis al la malsanulo uzi vomigilon, sed Mettrie protestis : « Ne, mi volas alkutimigi la maldigesteblon al sangeltiroj kaj tiel refuti ĉiujn argumentojn de la germanaj kuracistoj. » La kuracisto devis sin submeti, kaj la obstino kostis la vivon al la filozofo. Ankaŭ

[1] Mi ne konsentas. — La tradukinto.

la morton de lia protektinto, Frederiko la Granda, kaŭzis laŭdire malfacile digestebla angilpasteĉo.

Pasteĉoj — estas ŝajne ilia privilegio funkcii en frandmanĝaj tragedioj kiel « fatala akcesoraĵo ». Tion vidigas ankaŭ anekdoto, kiun iam rakontis la fizikisto Chladni (1756-1827), la eltrovinto de la konataj sonfiguroj. Sepdekjarulo li vivadis en Breslau, kie Henrich Steffens, la norvega naturisto kaj filozofo, kaj poeto konata de ĉiuj ŝatantoj de la germana romantiko, iuvespere estis invitinta lin por trinki teon. Ĉi tie fine temis pri morto kap mortmanieroj, kaj Chladni kun multe da gajhumoro rakontis la tragikomikan historion de manĝemulo. Ĉi tiu, li rakontis, iuvespere jam manĝinte kun giganta apetito aregon da plej delikataj frandaĵoj, atendis la plejaltaĵon de l' festeno, anserhepatan pasteĉon. Kiam ĝi aperis, liaj okuloj ekbrilis. Portata de servistoj ĝi jam alproksimiĝis, li jam antaŭsentis la guston sur siaj lipoj, la ĝuon sur la lango — jen trafis lin apopleksio, kaj li falis morta de l' seĝo.

Sed pli rimarkinda ol tiu anekdoto mem estas, kio sekvis. Baldaŭ post la rakonto Chladni estis forlasinta la Steffens'an domon kaj hejmen irinta, kiam lin mem atingis la fatalo. En la sama nokto, tuj post kiam li eniris la dormĉambron, lin ankaŭ trafis apopleksio. Matene, ĉirkaŭ la sesa, oni lin trovis kuŝante morta sur la fenestra breto. La jakon li estis demetinta. De la du poŝhorloĝoj, kiujn li kutimis kunporti, unu kuŝis streĉita apud li, la alia sur la planko. Ĝi aperis en la katastrofa momento falinta el lia mano, dum li ĝin streĉis. Steffens rakontis, ke je tiu vespero Chladni trinkis pli da teo ol kutime; do eĉ tiu trinkaĵo ĉifoje estis mortkaŭzo, kaj ankaŭ tiu korifeo de l' scienco mortis pro frandado. Ankaŭ la fama historiisto Heinrich von Sybel mortis ĝuante viandpasteĉon en la jaro 1895. Morta li ankoraŭ ĉirkaŭprenis la pasteĉon.

La satiristo Heinrich Gottfried von Bretschneider, krom siaj poeta kaj diplomata kapabloj, posedis ankaŭ belegan kuiran talenton. Dum la somero de la jaro 1810a li skribis al Karlsbad al sia amiko, la klera profesoro Meusel en Erlangen : « Mia tria frato estis 84 jarojn aĝa kaj mortis pro peco da « bœuf à la mode » kaj botelo da « Wertheimer ». Malmultajn monatojn post tiu sciigo, kiu, flanke de frandemulo, sonas nepre ironie, li mem mortis je la aĝo de 71 jaroj.

La fratino de Brillat-Savarin, la mondfama verkinto de « fiziologio de l' gusto », evidente ŝatis la familian tradicion, ĉar ŝia vivo ĉesis dum la ĝuoj de bona manĝo. Preskaŭ centjarulino — mankis nur unu monato — ŝi estis en la lito preskaŭ konsuminte sian vespermanĝon, riĉan menuon kun granda plaĉo ĝuitan, kiam subite ŝi kriis al la servistino : « Mi sentas, ke mi alproksimiĝas la finon; alportu rapide la deserton ! » Sed ŝi ne plu estis ĝuonta ĝin, ĉar antaŭ ol la dezirita postmanĝaĵo ŝin povis atingi, ŝi falis senviva sur la kuseno.

Ne ĝuste ĉe la manĝo, sed ĝin atendante mortis la ŝtatkanceliero princo Hardenberg. Mortis en la Hotel de Londres en Genova antaŭ unu el la plej belegaj naturvidaĵoj de l' mondo, en la momento kiam la « Riz de veau » mendita por li de la kuracisto, estis fiksita al la rostotango.

Ankaŭ la germana poeto Johann Benjamin Michaelis, homo ne malkapabla kaj amiko de la Anakreontikoj kunigitaj de Glein, mortis ĉe la tagmanĝo, dum lia vivo floradis, nur 27 jarojn aĝa. En la « Almanako de la germanaj muzoj por la jaro 1773 » sennomulo faris pri li nekrologon iom strangan :

*Kiam Sinjoro Michaelis*
*post longtempa malsano ĝuste dum la tagmanĝo mortis.*

La bonan bardon de Teŭto, kiu devis eterne vivi
Kaj tamen ĉiam volis morti
Ni fine vidas morti hodiaŭ.
Vi dioj, dankon ! li malpli longe
Mortadis ol li... estis mortonta
Ĉar mole kiel sonadis liaj kantoj
Al li ŝteliris la Mortanĝelo
Kaj manĝis kun li la tagmanĝon.

Karl Franz von der Velde, la verkiston, fama pro liaj historio-romantikaj romanoj kaj de multaj legitaj, frapis apopleksio je la momento, kiam li estis elĉerponta la supon el la ujo. Li mortis 45 jarojn aĝa, en Zobten, en la jaro 1824.

Vere gastronome mortis ankaŭ la verkinto de la « Kuirarto-Sprito », verko ne pereonta, kiun oni povas senhezite nomi la plej bonan kuirlibron de la mondo, Karl Friedrich von Rumohr. Nome la 25an de Julio 1843 la morto surprizis lin ĉe la matenmanĝo. Frapita de apopleksio, dirante : « Infanoj preĝu por mi ! » li falis en la brakojn de siaj servistoj. Tiuokaze estas eble menciinde ke la « Gastrosofio aŭ doktrino pri la tabloĝuoj » de la barono Eugen von Vaerst, libro komparebla kun la « Fiziologio de l' gusto » de Brillat-Savarin, estiĝis laŭ kondiĉoj vere strangaj. Vaerst verkis ĝin ĉe la sojlo de la morto, Ege mirigite Karl von Holtei diris pri li : « Kiel la lasta de liaj libroj, kiu konsistas preskaŭ nur el plej frandaj menuoj kaj kompilitaj traktatoj pri bongustemo, sur tia malsanula kaj dek-jara mortlito povis esti verkata kaj diktata — tion klarigi superas mian forton. »

Pri la morto de manĝemuloj troviĝas sennombraj epigramoj, la plej multaj laŭ tomba surskribo. Ĉiuj estas ne multe pli bonaj ol eble la lasta el ili, devenanta de unu el la tiel nomataj Dresdenaj akvopoetoj, Richard Roos :

*Manĝemula Epitafo.*

Li celis, ke nur multe
Li manĝu kaj bonguste,
Nun li mem ĉe la celo
De l' granda viv-vojaĝo
Estas manĝaĵo verma.

# Inkmakuloj

De *Josh Billings.*

Dum la dua duono de l' pasinta jarcento grupo de aŭtoroj usonaj multe impresis. Per simpla preskaŭ naiva filozofio kaj akresenta vivkompreno ili havis profundan influon sur la pensado de ilia tempo. Estis humoristoj. Inter ili la plej konataj estas : Mark Twain, Josh Billings, Artemus Ward, Bill Nye, P. V. Nasby.

En la kompreno de la homa naturo neniu superis tamen Josh Billings, kies vera nomo estis Henry Wheeler Shaw. Li estis filozofo, ludinta la humoriston. Jen kelkaj el liaj eldiroj :

*.....Fidi je la bonŝanco estas nur alia esprimo por : Fidi je la inerteco.*

*.....La naturo neniam faras erarojn. Se ĝi kreis malspritulon, tiam ĝi ankaŭ volis tion.*

*.....Bona konsilo estas kiel ricinoleo, facile donata sed tre malfacile por preni.*

*.....Espero estas kiel kokino, kiu ellasas pli da ovoj ol ĝi povas kovi.*

*.....Flato estas Kolonja akvo, por flari sed ne por engluti.*

*.....Pasio estas kiel la fajro, bona servanto, sed malbona estro.*

# Diversaĵoj

## Tra la libraro

### Bulgaraj lerniloj

*Proletarski Kurs po Esperanto* (Proleta kurso de Esperanto) — de *S. Rublev*, adaptita por bulgaroj de *M. L.* — Eldonas Laborista Esp. Asocio (LEA) en Bulgarujo, Sofia, 1932. Paĝoj 64, 25-18 cm. Prezo 20 levoj bulg. (0.85 fr. sv.).

Taŭga lernilo por kursoj. Por individua aŭtodidakta lerno, kaj precipe de laboristoj, ĝi ne povus servi; tian pretendon ĝi ja ne havas. Estante adapto de verko, aranĝita konforme al la lingvokonoj de alia nacio, en kelkaj detaloj ĝi sentigas mankojn, konsiderante la ĝeneralajn lingvokomprenojn de bulgaroj. Ekzemple *la infinitivo* (pĝ. 11) kaj *la akuzativo* (pĝ. 13) devus esti malkovrataj al bulgaro per speciala metodo kaj per sistemaj ekzemploj, kiuj akcentus ĝuste tiun ilian flankon, kiu estas ne sufiĉe klara al bulgara cerbo. Flanke de la tekstoj, sur la marĝeno, estas donataj la vortoj, nekompreneblaj por bulgaroj; sed aliaj simile nekonataj vortoj el la sama teksto estas donitaj subtekste (pĝ. 8: dikti, frazo; pĝ. 17: ĉina, ataki, japana, eŭropa k. a.).

Lingve la verko estas korekta. Tie ĉi ni ne submetos al pritakso kaj kritiko la enhavon de la donitaj ekzemploj laŭ senco: en multaj okazoj ili prezentas kun kortuŝanta simpleco kaj eĉ naiveco la gravajn problemojn, de la nuntempo: socia ordo, ekonomiaj fortoj, stimuloj al produktado, distribuo de la bonoj k.t.p. — Eble la klasa karaktero de la libro klarigas kaj pravigas tion.

---

*Esperanto-Bulgara vortaro* de *Arsen Grigorov*, 2-a kompletigita eldono (3 - 5-a miloj). Eldono de Lab. Esp. Asocio en Bulg., Sofia, 1932. Paĝoj 104, 12/8 cm. Prezo 15 lv. bulg. (0.55 fr. sv.).

La aŭtoro de tiu vortaro estas konata kiel bona kaj klera esperantisto. Li donas al ni konscience faritan laboron. La vortaro estas eble la plej plena el la eldonitaj ĝis nun esperantaj vortaroj por bulgaroj, kun trafaj tradukoj de la esperantaj vortoj bulgaran.

*Bulgara-Esperanta Vortaro* de *Arsen Grigorov*. Sama eldonejo. Sofia, 1931. Paĝoj 190, 12/8 cm. Prezo 25 levoj bulg. (1 sv. fr.).

Bone kaj serioze ellaborita vortaro, sufiĉe plena por ordinara uzado en la ĉiutaga vivo. *A.D.A.*

*Nacionalen, internationalen i svetoven ezik* — 1932, eldonita de Laborista Esperantista Unuiĝo en Bulgario — Sofia.

Tiu ĉi 22paĝa broŝureto en formato 12x17 cm. estas tradukita de Esperanto kaj pritraktas la demandon pri nacia, internacia kaj monda lingvo. Laŭ la antaŭparolo la tradukinto trovas, ke la esperanta movado ĉe ni kaj en multaj aliaj landoj estas, jam de longe, ordigita al la ĝenerala batala fronto de la klaskonscia laboristaro kaj vilaĝanaro kontraŭ la internacia kapitalo. Laŭ la devizo de Karlo Marks « Proletarioj de ĉiuj landoj unuiĝu » la Bulgara Laborista Esperantista Unuiĝo kun tiu ĉi broŝuro volas plenumi unu grandan malplenecon, pozante la demandon de la internacia lingvo laŭ la klasbatala vidpunkto.

## Lingvaj studoj

### Konsilo al Tradukantoj

En nia revuo « Esperanto » de Novembro 1932, S-ro Lehman Wendell en Minneapolis (Usono) aperigis artikolon, pri la tradukantoj kaj tradukistoj.

Lia artikolo estas tre interesa, sed malfeliĉe, tre malbonan ekzemplon uzis la verkisto per la Angla Libro « Mother Goose ».

Li diras, ke tiu titolo estas la nomo de Sinjorino Vergoose, kiu dudeksepjara edziniĝis en Usono, ĉe la fino de la 17' jarcento (1692). De Vergoose, la infanoj estus farintaj « Mother Goose ». Do, Sro Lehman Wendell certigas, ke oni devas bone traduki skribante: « Patrino Goose ».

Mi ne scias kiamaniera tiu legendo kreiĝis en Usono, sed la rakonto ne povas esti tiel.

La fabeloj de « Patrino la Anserino » — ĉar tiel oni devas bone traduki — en Francujo estas konataj de la plej antikvaj jaroj.

Oni legas pri « Les contes de ma Mère l'Oye,» inter aliaj verkoj, en la XVa satiro de la fama franca poeto Mathurin Regnier, kiu vivis de 1573 ĝis 1613, kaj ankaŭ en la verko « Dissertation sur Joconde », eldonita en la jaro 1669, de la alia fama franca poeto Boileau. En tiuj tempoj, la sinjorino Vergoose ne estis naskita aŭ estis nur kvinjara.

En Francujo, oni opinias, ke « Les contes de ma Mère l'Oye » (fabeloj de mia Patrino la Anserino) devenas de germanaj fabeloj. — Kiel diris prave Sro Lehman Wendell — sed la titolo devenas de la nomo de « Berthe la Fileuse » (Bertino la ŝpinistino) aŭ « Berthe-pied d'oie » (Bertino anserpieda), nomita en la suda Francujo (Provence) « la reine Pedauque » (reĝino anserpieda). La sudfranca vorto « pedauque » devenas de la degenerita latina lingvo, « pedes auca », ĉar la vorto « auca » egalas la vorton « avica » diminutivo de « avis » (birdo).

Do, kompreneble, la titolo « Patrino la Anserino » estas tre antikva kaj sen rilato al la Sinjorino Vergoose.

Tiu ci pruvas, ke profesio de tradukisto estas treege malfacila kaj pli ankoraŭ ol opinias Sinjoro Lehman Wendell, kiu, mi petas, ne koleru kontraŭ mi, ĉar lia artikolo estis tre interesa kaj pri ĝi mi gratulas lin tutkore.

*Marcel Daniel Dupuis*, Parizo

## La voĉo de dankado

Dumviva ano de UEA en Rotterdam skribis al ni:

*Ĉi-kune ricevu mi petas kiel esprimo de mia simpatio kaj fideleco al via unuiĝo, la sumon de 50 frankoj. Dezirante al vi bonsukceson, via membro por la vivo N-ro 245.*

F-ino G. S. PENTERMANN.

# Kroniko

## Brazilo

*Santos.* — Brazila Ligo Esperantista ricevis antaŭ nelonge leteron de s-ro Jozefo Joels, ĉefo de la « Entrepreno Joclart », pri la movado de Esperanto en Santos (Ŝtato S. Paŭlo, Brazilo). Jam de kelkaj jaroj s-ro Joels sin donadas al la propagando de nia lingvo kaj lastatempe atingis gravajn sukcesojn por nia kaŭzo en sia urbo.

La 22an de Oktobro jus pasintan, invitite de la Teozofia Societo de Santos, li faris paroladon en la loĝio « Albor » pri « La problemo de internacia lingvo kaj Esperanto », antaŭ pli ol okdek personoj. Sekve de tiu parolado, malfermiĝis en tiu loĝio kurso de Esperanto gvidata de s-ro Joels kaj vizitata de 26 gelernantoj, krom ekster-kursaj personoj, ankaŭ tre interesataj. Duan kurson, por progresintoj, li ankaŭ gvidas, kun dek-ok partoprenantoj.

*Rio Grande do Sul.* — En « Candelaria », Ŝtato Rio Grande do Sul, la Prof. Vile E. Kronbauer, direktoro de Lerneja Grupo, malfermis kurson de Esperanto.

## Portugalo

*Alhes Vedros.* — Fondiĝis esp-grupo Liberecvojen. Du kursoj estas entuziasme partoprenataj de 34 komencantoj.

*Funchal.* — L'Atlantika Perlo, esp.-grupo estis fondata. Oni danke ricevas esperantaĵojn sendataj laŭ adreso : Rua des Ferreires 148, Funchal., Ilha de Madeira.

*Perlimao.* — En tiu ĉi sudlanda urbo la intereso pri Esperanto estas kontentiga. Kurso sen profesoro regule okazas kun la ĉeeste de 24 personoj. Esperantista Grupo estas fondota.

*Santarea.* — Malfermiĝis kurso kun 73 lernantoj. La iniciatintoj de la kurso ankaŭ estas la fondintoj de Esperantista Grupo *Progreso* al kiu aliĝis jam multaj junuloj. Oni elektis kiel prezidanton S-ro José Chambol, sekretarion S-ro José Eugenie des Santos kaj kasiston S-ro Alfredo Lopos.

## Togo

La propagando en kolonioj estas ĉiam tre malfacila kaj penplena. UEA dum jaroj provis ekinteresigi la misiojn sed la sukceso ne estas grandioza. Multan materialon ni forsendas por tiu ĉi propagando.

Ni estas feliĉaj prezenti al vi tieĉi nian estontan Delegiton en *Lome*, ĉefloko de Togo. El letero ni reproduktas la jenon :

## Palestino

En Jerusalemo la Delegito de UEA klopodas energie por nia movado. Antaŭe ekzistis izolaj esperantistoj en pluraj lokoj, Haifa, Tel-Aviv k.a. Pro foriro kaj malinteresiĝo al la afero malaperis ankaŭ la Delegitoj de UEA en tiuj urboj. Nun dank'al la penado de S-ro Lahovitzky la venonta Jarlibro de UEA ree indikas D en Tel-Aviv, la modela cionista urbo.



Kelkaj esperantistoj en Jerusalemo. Sidantaj : Dekstre Eks-delegito Havkin, meze Delegito Laĥovitzky, Maldekstre VD : S. Ĝenio. Supre : Maldekstre F-ino Adina Totenberg, meze- — A. J. Benjamini, Dekstre F-ino Segal.

W. Afrika: Lome - Togo
— 23a Oktobro, 1932 —

Kara Sinjoro!

Kun granda ĝojo, mi atestas la ricevon de via ŝatata letero de la 13an Septembro 1932, tiel respondon de mia skribis al vi je la lasta monato. Mi bone komprenis ĉiom kion vi min skribis; de tio mi al vi diras ke "mankas al mi konvenaj vortoj por esprimi laŭdon kaj dankon al vi; sed senkulpigu min pri la malrovan esprimon" "mi multe (tre) dankas vin de la servoj al mi faritaj. Vere, la libretoj, Statuto kaj la gazetoj min ĝojigis.

Seth. B. Anomah
c/o: Bremen Mision



S-ro Anomah, D de UEA en Lome.
(Vidu noton kaj leteron sur paĝo 17)

# Cseh-kursoj

## Lyon

La Esperantistoj en Lyon, incititaj de la favoraj raportoj pri Ĉe kursoj en diversaj aliaj urboj decidis ankaŭ organizi tian kurson en Lyon.

La kurso estas gvidata de F-ino Lidja Zamenhof, kiu speciale venos el Svedlando. Ĝi okazos en Januaro aŭ Februaro 1933.

Aliaj urboj, kiuj dezirus profiti la vojaĝon de F-ino Zamenhof por organizi Ĉe kurson, bonvolu skribi al S-ro Richard Levin, Foire de Lyon, Rue Ménestrier, Lyon.

Pro necesaj klopodoj pri pasporto, restad-permeso, k.t.p. rapida sciigo estas dezirata.

## Lund

Finiĝis la 2-a kursserio de ges-roj Morariu. Speciale solena estis la publika ekzameno en la universitata urbo Lund, kie surdmutula instruisto Ek, popollerneja instruisto Edberg, gimnazia instruisto D-ro Sjögren kaj lernejinspektoro D-ro Gertz, universitata docento esprimis siajn gratulojn al la geinstruistoj pro la bona rezulto atingita per la Ĉe-metodo. Ges-roj Morariu kore dankis la Kurskomitaton, aparte ĝiajn prez. s-on J. Ek kaj sekr. O. Olsson pro modela preparo kaj sindona kunlaboro. Gesinjoroj Morariu ricevis gigantforman « Ĉe-ateston » arte desegnitan de instr. Madsen.

Ges-roj Tiberio kaj Lizzie Morariu faris prelegserion en la fest-ĉambrego de la Popola Domo en Lund pri : *Rumanaj Petrolfontoj, Senlabora Saksujo, Kongreslando Svisujo, Moderna loĝejproduktado en Vieno* kaj *Laboristaro & Esperanto.* La paroladojn ĉiufoje ĉeestis ĝis 500 senlaboruloj.

Dum la lastaj 4 monatoj de la pasinta jaro ge-Morariuj faris en Suda Svedlando 16 paroladojn antaŭ ĉ. 2200 aŭskultintoj, krome ili gvidis en 10 lokoj kun ĉ. 700 gekursanoj. Pri tiu ĉi agado aperis dum Sept.-Dec. 1932 entute 129 artikoloj (el ili 20 ilustritaj) en 31 diversaj gazetoj.

Dum la unuaj 3 monatoj de la nova jaro la internacia geinstruista paro kursos kaj prelegos en Svislando, laŭ la invito de la Svisa Esperanto-Societo.

# Faka movado

Sub tiu ĉi rubriko ni intencas publikigi regule informojn pri nia movado en specialistaj rondoj, la tielnomata *Faka* movado. Tekstoj al ni sendotaj devas esti plej koncize redaktitaj, kio certigas rapidan aperon.

## Rotarianoj

La Rotaria Esperanto-Amikaro (Adreso : Waisenhausstr. 20, *Dresden*) daŭrigas sian klopodadon por ke Esperanto estu pli ĝenerale uzata en la internaciaj rilatoj de Rotary. En cirkulero dissendita dum Decembro al rotarianoj S-ro von Frenckell, la konata pioniro de nia movado priskribis la lingvajn barojn por ano de malgranda nacio. La interesan artikoleton oni povas ricevi skribante al supra adreso.

## Laboristoj

Fondiĝis Ĉeĥoslovaka Laborista Asocio Esperantista. en la Popoldomo en Aussig a. Elbe. Statutoj oficiale aprobitaj. La celo de la Asocio estas praktike aplikadi Esperanton inter kaj por la laboristaro. Disvastigi la lingvon inter la socialistaj rondoj en la germanlingvaj teritorioj de la ĉeĥoslovaka respubliko.

La Asocio deziras bonajn interrilatojn kun tutmondaj aŭ ĉiul andaj laborist-aŭ oficistasocioj kun samaj politikaj tendencoj per praktikado de esperanto. Interesemuloj skribu al : « Ĉeĥoslovaka Laborista Asocio Esperantista », sidejo en *Aussig a.* E., Volkshaus, Dresdnerstrasse, Ĉeĥoslovakio.»

## Skoltoj

La Hungara Skolta Asocio oficiale eldonis vortareton por hungaraj skoltoj, kiu enhavas la ĉefe necesajn vortojn dum tendarado en kvin lingvoj, inter ili en Esperanto. La Asocio pretigas ŝtofinsignetojn, porteblajn sur la ĉemizbrako, kun surskribo « Esperanton parolas », kiel insigno por skoltoj, kiuj scias la lingvon.

La tendarestraro de 1933 jara mondjamboreo aprobis la disvastigon de la glumarkoj, eldonitaj de D-ro J. Takács, pri la Esperanto Kunveno dum la mondtendaro, surhavante la cervon, registritan insignon de la jamboreo. La estraro (tendarestro grafo Teleki, eksministroprezidanto) komisiis budapestan trupon por aranĝi *esperantistan renkontejon* dum la Aŭgusta mondtendaro. Samloke ebla granda esperanto-ekspozicio ! (Kiu sendas materialon ?)

La estraro de la skolta policistaro anoncas oficialan Esperanto-kurson.

*Kion vi faras en via lando* por helpi la aferon simile ?

Nia laboro estas vana, se aliaj landoj ne akiras similajn sukcesojn kaj precipe ne instruas skoltojn esperante !

(Budapesta adreso : V, Nagy Sàndor-u 6.)

En Budapest aperis enkonduka leciono al rekta metodo kun lumbildoj, ĉie projekteblaj per filmaparato. (Prezo $1.-) (Demandu la ĉefdelegiton.)

# Esperanto kaj stenografio

## Intersteno

La antaŭa sciigo pri Intersteno montris i.a. kiel la esperantisto-interstenanoj en la plej diversaj landoj varbas en la nacilingvaj Interstenokursoj por Esperanto; kvazaŭ tutkomprenebla ago, ĉar la okupiĝo pri internacia mallongskribo, kiu estas Intersteno, kondukas de si mem al la ideo de internacia lingvo.

Hodiaŭ ni volas doni kelkajn klarigajn vortojn pri Intersteno mem. Oni ne povas envicigi ĝin en difinitan grupon de la multaj stenografiaj sistemoj. Laŭ la aspekto Intersteno ja similas al la grafikaj sistemoj, tamen ĝi estas la sola skribo kreita laŭ la principo de la *harmonio inter lingvo kaj skribo*. La maniero laŭ kiu la unuopaj signoj kaj la signokunigoj (vortbildoj) de la Intersteno-skribo estas formigataj harmonias kaj konformas kiel plej eble al la procedoj de la parolorganoj por produkti la koncernajn sonojn kaj sonokunigojn (paroloj-n). Pro ĉi tiu konformeco inter la parolata lingvo kaj la Intersteno-skribo, ĉi tiu estas facile kaj flue skribebla por ĉiuj lingvoj.

Kompreneble la Intersteno faras nur tiajn diferencojn de la sonoj, kiuj estas necesaj por facila kaj senduba relego de la aŭditaj kaj skribitaj paroloj. Intersteno do estas simpla kaj klara fonostenografio por ĉiuj lingvoj. Ĝi do estas nura helpskribo kiel la aliaj sistemoj, sed povas anstataŭi ĉe ĉiuj ĝeneralaj skriblaboroj la malrapidaj kaj tial ofte tedajn kaj malhelpajn longskribojn de ĉiu lingvo kaj tiamaniere plisimpligi kaj plifaciligi ankaŭ la skribajn interrilatojn inter la homoj. Ĝi estas tiel simpla, facila kaj klara, ke eĉ 5 ĝis 10 jaraj infanoj sukcese lernis ĝin. Aliflanke rapidskribistoj povis per ĝia mallongigita formo perfekte kapti la plej rapidajn paroladojn kaj debatojn en la plej diversaj lingvoj.

*Intersteno do estas universala mallongskribo por la tuta mondo.*

Pluajn informojn donas la Instituto de Intersteno, Siegfriedstr. 24, Duisburg-Meiderich (Germ.).

# Turismo

## Ĉeĥoslovakio

La Ministerio de Ŝtata Fervojaro eldonis laŭ instigo de Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista la verketon de D-ro Belohlav, Ilustrita Gvidlibro tra linioj de Ĉeĥoslovakaj Ŝtataj Fervojoj.

Alta 19,5 cm larĝa 10 cm, 11 geografiaj kartoj kaj 140 bildoj. Lerte kombinita gvidlibro bona traduko de S-ro Fr. Slavik. Dankinde estas la aldono de germanlingvaj nomoj kio notinde faciligas la komprenon al ne-slavoj.

Jen bonega ekzemplo de obstino kontraŭ la krizo. Certe la turismo en Ĉeĥoslovakio *ne* malprogresas kiel en aliaj landoj, malpli entreprenemaj, malpli optimismaj.

La gvidlibron oni petu de Ministerstvo Zeleznic, Praha Ĉeĥoslov., aŭ de Turisma Servo de UEA, kontraŭ unu respondkupono.

---

Kelkaj samideanoj, francaj membroj de U.E.A. intencas krei francan societon por faciligi vojaĝojn kaj servojn pri turismo al iliaj aliĝantoj.

Tiu nova societo intencas alpreni la nomon « *Esperanto kaj Turismo* » ĝia celo estas organizi karavanojn aŭ unuopajn vojaĝojn ekster Francujo kaj reciproke faciligi la restadon kaj nekaran loĝadon al fremdaj esperantistoj kiuj intencas veni en Francujon.

Tiu societo intencas ankaŭ eldoni turismajn libretojn. La U.E.A. anoj kiuj estas interesataj pri tiu afero estas petataj skribi al Sinjoro M. D. Dupuis, Delegito de U.E.A., 17, Rue de Cluny. — Paris (Ve).

# En kelkaj linioj



*** Kiel Direktoro de la Esperanto-Instituto por la Germana Respubliko estis elektita D-ro Friedrich Schreiber, docento ĉe la Pedagogia Instituto en Leipzig, kiel posteulo de Profesoro D-ro Dietterle eksiĝinta.

*** Aperis la longe atendita Ŝlosilo de Esperanto por Araboj. Oni povas ĝin mendi rekte ĉe S-ro Fahim Harfouche, 33 Eugenie Str. en Port-Said por 5 pencoj la ekzemplero. Ĉe Libroservo de UEA por 0.40 Fr. sv., dek ekz. 3.50 Fr. sv.

La kataluna urbo Vich havas nun ankaŭ straton honore al D-ro Zamenhof, laŭ decido de l'urba konsilantaro. (Decembro 1932)

Dank'al la klopodo de S-ro Saldanha Carreira, portugala ĉefdelegito de UEA, en Lisboa, la firmo Sociedade Industrial de Chocolates, 74 Avenida de Julho en Lisboa, fabrikigis specon de ĉokolado *Esperanto* envolvita en bela glacea papero kun verdora surskribo *Esperanto*. Skolto kun esperantista flago, sur terglobo kaj surskribo portugala « Com esta bagagem córro o mundo inteiro ». En la volvajo estas sinsekvaj lecionoj de Esperanto. (Gratulon)

...La revekiĝo de la movado en Jugoslavio estas dokumentata per la fakto, ke reaperis en tiu ĉi lando nova propaganda gazeto. La Suda Stelo, nova lernolibro serbokroata kaj ankaŭ ŝlosilo laŭ la normo de ICK, dum la nun pasinta jaro. Kiel jarfinan donacon, la agema eldonanto de la Suda Stelo, Franjo Homar, havigis al la esperantistaro tradukon de la kroata eposo. La morto de Smailaga Cengijiĉ, laŭ traduko de kroata pioniro de Esperanto, Mavro Ŝpicer. En venonta numero de *Esperanto* ni esperas detale raporti pri tio.

La Unuiĝo de Esperantistaj Virinoj alvokas ke ĉiu esperantista virino aliĝu kaj kunhelpo por la nobla celo de la unuiĝo. Sendu aliĝojn kaj informojn al jenaj adresoj :

*Germanujo* : F-ino Elise Jacobs, Math. Str. 9, Flensburg.
*Francujo* : S-ino M. Borel, quai Claude-Bernard, Lyon.
*Hungarujo* : S-ino Nora Kozma, Andrássy ut. 5, Budapest VI.

S-ro Jozefo Major, redaktoro de la monata gazeto *Oomoto*, preskaŭ senĉese vojaĝadis tra tuta Japanujo (1932) uzante Esperanton. Dum lia vojaĝo s-ro Major paroladis en pli ol cent urboj, antaŭ pli ol 10.000 personoj, faris kvar radioparoladojn. Pli ol 50 jurnaloj publikigis artikolojn pri la vojaĝo kaj Esperanto. Kelkaj paroladoj okazis en specialaj medioj, kiel Universitatoj, kolegioj, lernejoj, militaj hospitaloj, Oomoto-religiaj festegoj, ktp. Estas nedubeble ke tiu-ĉi propagandvojaĝo antaŭenpuŝis la movadon kaj pruvis la utiligeblecon de la lingvo. La tutan aranĝon faris la Esperanto Fako de Oomoto Movado, Kameoka. Estas senekzempla en la japana Esperanto movado, ke unu persono propagandis al tiel granda nombro de personoj. S-ro Major estis akompanata de kvar sekretarioj, kiuj tradukis liajn paroladojn. Detala raporto pri la vojaĝo aperis en la gazeto « Oomoto » (Kameoka-Kioto-hu).

---

## Nur praktike !

Ĉeha Komerca Akademio en Olomouc, favoras Esperanton. Jam la trian fojon estas aranĝataj Esp. kursoj. Ni estas 17-20 jaraj gestudentoj kaj volas pruvi, ke Esperanto taŭgas por praktikaj celoj. Karaj gesamideanoj, de via helpo dependas nia sukceso!

La pasintan jaron aranĝis nia Akademio ekspozicion de la moderna reklamo per valoraj afiŝoj. La ekspozicio sukcesis. Eĉ la esperantaj afiŝoj ornamis la ekspozicion. De la 19a ĝis 26a de Marto 1933 aranĝas nia Akademio pli ampleksan ekspozicion en la palaco de la Specimena Foiro de Praha.

Ni volas helpi per Esperanto. Bonvolu sendi valorajn afiŝojn pri komerco, turismo sporto k.t.p. de la tuta mondo! La elspezojn ni pagos, aŭ ni sendos interesan materialon kompence.

Kiu volas helpi, helpu!

Adreso : Ĉeska Obchodní Akademie, Olomouc, Ĉeĥoslovak.



Tour de l'Ile
Sidejo de UEA

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo: 1, Tour de l'Ile, Genève**

## Oficiala Informilo

**N-ro 24**

**Administra jaro 1933 Januaro 1933**

**Bankkonto:**
**Société de Banque Suisse**
(Schweizerischer Bankverein). Genève.
*Svisa Poŝtĉeko* : Genève I. 2310.

*Premioj.* — Ni informas la membraron de UEA ke la rajto je premio de frupago estas plilongigita ĝis 28 Februaro 1933.

*Budĝeto 1933.* — La Komitato de UEA aprobis la proponon de budĝeto por 1933. Respondis ĝis 31a de Decembro 1932, 22 komitatanoj el 24. El ili 21 aprobis senrezerve, unu kun rezervo pri premioj. Du anoj ankoraŭ ne respondis.

*Bilanco 1932.* — Ni publikigas la ciferojn de la jara agado 1932. Kompleta raporto aperos pli poste, se eble en la Jarlibro 1933, por ke ĉiuj anoj povu formi al si bildon pri la stato de UEA.

Kontentiga eĉ ĝojiga estas la stato de la anoj. Ni budĝetis pasintan jaron ke pagos 8500 personoj. Fakte estis 8398, do 102 malpli ol ni antaŭvidis en Septembro 1931 (jes 1931) la dato kiam ni starigis la budĝeton por 1932.

Plezure estas konstati la oferemon de niaj samideanoj, speciale de la subtenantoj. Al ĉiuj ĉefdelegitoj, Delegitoj, Membraro plus donacintoj,

KOREGAN DANKON

Bilanco de UEA : 24-a Jaro : 1931-32 :

I. — Elspezoj

(*en svisaj frankoj*)

| | *Rubriko:* | *Ni elspezis: 1932* | *Budĝeto 1932* | *Budĝelo 1933* |
|---|---|---|---|---|
| 1. | Salajroj | 20.821,25 | 24.000.— | 20.000.— |
| 2. | Oficejo, luo, hejto | 3.600,15 | 4.000.— | 3.600.— |
| 3. | Revuo kaj sendo | 14.782,70 | 15.000.— | 13.000.— |
| 4. | Jarlibro kun afranko | 7.110.— | 8.500.— | 6.000.— |
| 5. | Afranko Oficejo | 4.087,95 | 3.000.— | 4.000.— |
| 6. | Afranko Teritorioj | 3.336,06 | 2.500.— | 3.000.— |
| 7. | Presajoj | 1.526,45 | 2.000.— | 2.000.— |
| 8. | Materialo | 1.538,08 | 1.000.— | 1.000.— |
| 9. | Premioj Subtenantoj | 2.909,45 | 2.000.— | 2.500.— |
| 10. | Premioj frupago, varbado | 2.825,65 | 2.000.— | 2.500.— |
| 11. | ICK subteno | 2.500.— | 2.500.— | — |
| 12. | Telefono, telegramoj | 450.— | 200.— | 300.— |
| 13. | Vojaĝelspezoj | 840.— | 1.000.— | 800.— |
| 14. | Impostoj, asekuro | 305,05 | 400.— | 300.— |
| 15. | Biblioteko | 216,96 | 300.— | 200.— |
| 16. | Ilaro oficejo | 510,40 | 400.— | 300.— |
| 17. | Propagando | 1.306.— | 1.000.— | 500.— |
| 18. | Amortizo | — | 500.— | — |
| 19. | Pagitaj interezoj | 1.200.— | 1.200.— | 900.— |
| 20. | Diversaj elspezoj | 1.341,95 | 1 000.— | 950.— |
| | Sumoj | 71.208,10 | 72.500.— | 61.850.— |

II. — Enspezoj

(*en svisaj frankoj*)

| | | *Sumoj enspezitaj:* | *Budĝelo 1932* | *Budĝelo 1933* Anoj: | Fr. svis. |
|---|---|---|---|---|---|
| 1. | 170 Helpmembroj | 257,45 | 100.— | 300 | 450.— |
| 2. | 3027 Membroj | 10.646,54 | 9.100.— | 3000 | 9.500.— |
| 3. | 4654 Membro-Abonantoj | 36.401,51 | 42.000.— | 4400 | 33.900.— |
| 4. | 547 Membro-Subtenantoj | 11.066,06 | 9.800.— | 500 | 10.450.— |
| | 8398 Anoj | 58.371,56 | 61.000.— | 8200 | 54.300.— |
| | 201 Dumvivaj | — | | | |
| | 20 Honoraj | — | | | |
| | 8619 Anoj | 58.371,56 | | | |
| 5. | 104 Entreprenoj | 618,06 | 500.— | | 750.— |
| 6. | 72 Abonoj | 435,33 | 500.— | | 500.— |
| 7. | Anoncoj revuo | 1.207 36 | 1.200.— | | 1.250.— |
| 8. | Anoncoj jarlibro | 308,20 | 700.— | | 500.— |
| 9. | Venditaj numeroj | 59,75 | 100. — | | — |
| 10. | Kruda Perdo en Adm. Konto al | 61 000,26 | 64.000.— | | 57.300.— |
| | Bilanca P. G. | 10.207,84 | 8.500.— | | 4.550.— |
| | | 71.208,10 | 72.500.— | | 61.850.— |

Bilanco

La bilanca « Perdo-Gajno » prezentiĝas jene :

| | *Perdo :* | *Gajno :* |
|---|---|---|
| Perdo en Administra Konto | 10.207,84 | |
| Senpagaj anoj kaj diversaj | 1.299,16 | |
| Amortizo (papero) | 478.— | |
| Diversaj gajnoj, servoj | | 2.395,77 |
| Monkolekto | | 2.547,23 |
| Alpago de l'Asocia Kapitalo | | 3.500.— |
| | 11.985.— | 8.443.— |
| Bilanca perdo de l' jaro 1932 | | 3.542.— |
| | 11.985.— | 11.985.— |

Ferma Bilanco 1932

24-a Administra Jaro de UEA : 1 Nov. 1931 ĝis 31 Okt. 1932.

| | *Aktivoj:* | *Pasivoj:* |
|---|---|---|
| En kaso | 597.— | |
| En svisa poŝtĉekkonto | 245.75 | |
| En bankoj | 1.512,48 | |
| En eksterlandaj poŝtĉekkontoj | 2.150 05 | |
| En fremdaj monoj | 225.— | |
| Mono disponebla | 4.730,28 | |
| Provizoj : Materialo, prespapero, libroj, maŝinoj, mebloj, ktp. | 27.843,16 | |
| Konthavantoj | 6.977,38 | 21.011,18 |
| Kreditoroj | 546,64 | 22.707,82 |
| Div. Kreditoroj-Debitoroj | 1.818,17 | 795,98 |
| Fremdaj kontoj | | 942,65 |
| | 41.915 63 | 45.457 63 |
| Jara perdo 1932 | 3.542.— | |
| | 45.457,63 | 45.457,63 |

*Jara spezado: 389.098,02 Fr. sv.*
*1931: 476.799,25* *1930: 498.458,99*

*Subtenantoj de UEA 1933.* — Bonvolis aliĝi kiel Subtenantoj por 1933 la jenaj samideanoj : sinceran dankon al ili.

*Unua listo :*

1. Marchese Carlo di Montezemolo, Castiglioncello.
2. S-ro Tiberio Morariu, Orebro.
3. S-ro O. Theodor Studer, Horgen.
4. S-ro Georges de Plançon, Cevins.
5. S-ro Ed. Hart, Bad Knutwill.
6. S-ino Sara Ullastres, Mollet.
7. S-ro J. H. Murray, Chester.
8. S-ro A. J. Bouwensh, Bandoeng.
9. S-ino Y. Privat - Bouvier, Territet.
10. D-ro Edm. Privat, Territet.
11. S-ro Jorge Saldanha Carreira, Lisboa.
12. Brig. Gen. G. Kyffin-Taylor, Birkenhead.
13. S-ro Canuto Sanchez Solano, Requena.
14. S-ro Andrès Piño, Valencia.
15. S-ro J. X. M. do Couto, Clifton-Bristol.
16. S-ro Mario Lopez do Rego, Lisboa.
17. F-ino Hélène Monod, Morges.
18. S - ro Francisco Azorin - Izquierdo, Cordoba.
19. S-ro Johs. Henrikssen, Holbäk.
20. S-ro Erik Jensen, Holbäk.
21. S-ro Holger Hansen, Holbäk.
22. S-ro Raul Xavier, Lisboa.
23. S-ro Alb. Martins do Carmo Peña, Lisboa.
24. D-ro Robert Fulda, Berlin-Wilmersdorf.
25. D-ro Wohlthat, Rostock-Gartenstadt.
26. S-ro Korbinian Thalmeier, Kammer.
27. S-ro Wilhelm Schernikau, Frankfurt.
28. S-ro Adolf Münz, Berlin.
29. D-ro Ed. Spielmann, Bern.
30. S-ro Henry Christensen, Brönderslev.
31. S-ro Sejed Mohamed Ruhani, Teheran.
32. S-ro W. H. de Jonge, Soeban-Djerigi.
33. S-ino Jayet, Morges.
34. S-ro Kai Hvid, Holbäk.
35. S-ro Michele Arabeno, Genova.
36. S-ro Konrad Person, Arkösund.
37. S-ro Marian Sola, Tarrassa.
38. D-ro Roberto Maraury, Madrid.
39. S-ino Elvira de Maraury, Madrid.
40. D-ro D. Kálman Gyulai, Bököny.
41. S-ro Algot T. H. Blid, Nynäshamn.
42. F-ino Alice Schenk, Essertines.
43. S-ro Jon Vital Vital, Saint-Moritz.
44. S-ro Max F. Schafroth, Burgdorf.
45. S-ino Lydia Schafroth, Burgdorf.
46. S-ro Domingo Diaz-Ambrona Moreno, Badajoz.
47. S-ro Oscar Frode, Göteborg.
48. S-ro Ali Darjus Nemseĉi, Tabriz.
49. S-ro Carlos Henrique, Lisboa.
50. S-ro Ernst Hollmann, Bünde.

## Adresaro: Novaj lokoj kun Delegitoj

### Belgujo

*Edeghem* (Antverpeno). — D : Alfons Van den Wyngaert, doganoficisto, Boerenlegerstraat 39.
*Wenduyne* (West Flaanderen). — D : Henri Vande Genachte, komunuma skribisto, Villa Henri-Charles, Coppietersstraat 14.

### Borneo

*Sanga-Sanga.* — D : Ek. Thoean Lim, oficisto B.P.M.

### Germanujo

*Langebrück* (Sachsen). — D : Hermann Korell, instruisto.
*Niederbergkirchen* (Oberbayern). — D : Karl Leitl, instruisto, Poŝt Neumarkt a. d. Rott.
*Stralsund* (Pommern). — D : Hubert Exenberger, teatrodirektoro, Semlowerstrasse 3.

### Honduraso

*La Ceiba* (Atlantida). — D : Mauricio Jagoda, komercisto, Apartado 6.

### Kostariko

*San José* (San José). — D : Héctor Fernández Vargas, librotenisto, Auditoria F. C. al P.

### Latvolando

*Majori* (Livlando). — D : Auguste Krauze, urboficisto, Jomas ielà 62 (loĝas ĉi tie nur de majo ĝis septembro).
*Rezekne* (Latgale). — D : S-ino Sofia Šeindelis, dentistino, Latgales prosp., 9.

### Portugalujo

*Barquinha* (Extremadura). — D : Manuel Pirao Vieira, librotenisto, Rua 5 de Outubro.
VD : José Ribeiro Graça, skribisto, Rua Dr. Barral Filipe.
*Barreiro* (Extremadura). — D : Johano Santos Prates, fervojisto, Avenida da República No. 6, 1°.
*Ponta Delgada* (Arhipelago Acores, Insulo San Miguel). — D : Frederico Aŭgusto Serpa, inĝeniero.

### Svedlando

*Härnösand* (Angermanland). — Erik August Osterberg, popolinstruisto, Bondsjöstaden.
*Hässleholm* (Skanio). — D : S-ino Elin Fors, Ostergat, 28.
*Kumla* (Nerike). — D : Fritz Ström, ŝulaboristo, Box 139.
VD : Erik Carlen, oficisto, Yxhult.
*Trelleborg* (Skanio). — D : Otto Telin, buĉistmajstro, Ostra Förstadsg. 77.

### Svislando

*Chur* (Graubünden). — D : Wilhelm Haase-Meister, drogisto, Montalin 379.
*Sierre* (Valais). — D : Edouard Waldvogel, prot. pastro, Maison de paroisse protestante.

### Usono

*Edmeston* (New York). — D : Russell M. Quackenbush, presisto.
*South Pasadena* (California). — D : Arthur C. Hugg, dogana prokuristo, 308 Pacific Electric Bldg. *Los Angeles,* California.

*La supraj elektoj fariĝos valoraj se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestos pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D kaj VD agas provizore.*

**EKSIĜOJ & FORSTREKOJ :**

Ne plu estas D en jenaj lokoj :
*Francujo* : Rosny-sous-Bois. — *Germanujo* : Papenburg-Ems.
*Japanujo* : Tateno. — *Kostariko* : Alajuela.

*Statistiko de la Delegitoj.*

| | |
|---|---|
| Stato je la 15 novembro 1932 | 1.974 lokoj |
| Lokoj forstrekitaj laŭ supra listo | — 4 lokoj |
| | 1.970 lokoj |
| Novaj lokoj de 15.11.32 ĝis 15.12.32 | +21 lokoj |
| Stato je la 15 decembro 1932 | 1.991 lokoj |

Genève, 15 decembro 1932. *Direktoro de UEA.*

## La nekonata batalanto

Per tiu ĉi nova rubriko ni volas sinsekve aperigi mallongajn, se eble telegrafstilajn biografiojn de samideanoj — silentuloj — kiuj laboris por la movado, sed pri kiuj ne parolas nek kanto nek historio. Apud la eminentuloj estas la aro da homoj, kiuj ne postlasas memorajojn, sed kies persista laboro abelsimila ja sukcesigis la ideojn de la eminentuloj. Al ili apartenas tiu-ĉi paĝo.

Ni danke akceptas atentigojn kaj informon por la nova fako. Ni malfermas ĝin per la biografio de

### William Phillimore, London

eks-instruisto en elementa lernejo. Naskiĝinte 8.11.44. S-ro Phillimore atingis 88 jarojn pasintan Novembron. Esperanton li lernis 1905 aliĝis al la Brita Asocio kaj poste 1908 al UEA kies plej maljuna membro li nun estas. Plej aĝa membrino kaj ankaŭ aliĝinta ĉe la komenco al UEA estas Sinjorino Tuschinski en Danzig. S-ro Phillimore estis D en Battersea kaj multe korespondis kun blinduloj. Li kopiis multajn verkojn en Brajla skribo, inter ili laste la verkon *Tridek Jarojn en Ora Nordo*, por blindulo en hospitalo. (La kopiitaj verkoj estis por la Nacia Biblioteko Blindula en Britujo). Li partoprenis kongresojn de Cambridge (1907) Antwerpen (1911), Edinburgh (1926) kaj Oxford (1930).



# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1932

G. Karaslavov. — *Ĉe Posteno* (Elektitaj Rakontoj) — Eldonis Mejdunaroden Ezik. 63 p. 12×17. (1932-101).

H. Smirnenski. — *Tra la Ventego* (Elektita Verkaro) Eldonis « Mejdunaroden Ezik », Sofia. 48 p. 12×18 cm. (1932-102).

***. — *Manifeste des Anationalistes* (Manifesto de la Sennaciistoj) Tradukis francen el esperanto Avid & Waringhien — Editions Anationalistes, Paris. 42 p. 11,5×17 cm. Prezo : Fr. Fr. 2.—. 1932-103).

E. Dahl. — *Dialogoj en Esperanto* — Eldona Societo Esperanto, Stockholm. 31 p. 11,5×18,5. Prezo : Sv. Kr. 0.50. (1932-104).

H. Seppik & E. Malmgren. — *Systematisk kurs i Esperanto* — Eldona Societo Esperanto, Stockholm, 88 p. 11,5×17,5. Prezo : Sv. Kr. 0.75. (1932-105).

***. — *La Kodo de Kronprinco Ŝootoku* — Tradukis Cuna Takaiŝi — Japana Budhana Ligo Esperantista, Kioto. 24 p. 11×15 cm. (1932-106).

J. H. Ishiguro. — *Esperanto por Komencantoj* — Nippon-shoin, Tokio, 226 p. 12,5×19 cm. Prezo : Bind. Sv. Fr. 3.—. (1932-107).

J. H. Ishiguro. — *Praktika Gvido de la Korespondo en Esperanto* — Bunrishoin, Tokio, 310 p. 14×20 cm. Prezo : Yen 1.80. (1932-108).

***. — *Oĝreniniz-Esperanto* (Turka Lernolibreto laŭ la formo de « ŝlosilo »). 70 p. 8×10 cm. (1932-109).

Okamoto-Rikiĉi. — *Teorio de Socia Vivo, evangelioj de Belismo, Vol. VIII.* — Eldonis Belisma Koopera-Kulturejo, Ŝizuokaken, Japanio. 37 p. 13×19 cm. (1932-135).

G. W. Barnet. — *De viandomanĝado al senvenena Dolĉfrukta Dieto* — Amerika Esperanto Instituto, Madison. 15 p. 11,5×15 cm. Prezo : 10 cendoj. (1932-110).

***. — *Nacionalen, Internacionalen i Svjetoven Ezik* — Rabotniĉeskija Esperantski Sojuz, Sofia. 22 p. 12×17. (1932-111).

***. — *Heroldo-Jugend-Wörterbuch, Esp.-Deutsch* — Eldonis Heroldo de Esperanto, Köln. 80 p. 8×12 cm. Prezo : 0.40 Gmk. (1932-112).

Rudolf Herceg. — *Pangea — La sole ebla eliro el la mondkrizo* — Eldonis komisiite Heroldo de Esperanto, Köln. — 23 p. 13×20 cm. Prezo : 0.30 Gmk. (1932-113).

***. — *Heroldo-Taschenwörterbuch* — Eldonis Heroldo de Esperanto, Köln. 131 p. 11,5×16,5 cm. Esperanto-Deutsch, Deutsch-Esp. Suchbüchlein. Prezo : La tri partoj kune 1.25 Gmk. (1932-114).

Stefan Zweig. — *La okuloj de la eterna frato, trak. Helene Wolff, Kleve.* — Presisto : Heroldo de Esperanto, Köln. 65 p. 13,5×20 cm. Prezo : 1.20 Gmk. (1932-115).

Jung und Wingen. — *12 Abende Fortbildung in der Weltverkehrssprache Esperanto.* Eldonis Heroldo de Esperanto, Köln. 96 p. 13×20 cm. Prezo : 1.25 Gmk. (1932-116).

Jung und Wingen. — *Schlüssel zu 12 Abende Fortbildung.* Eldonis Heroldo de Esperanto, Köln. 37 p. 13×20. Prezo 0.75 Gmk. (1932-117).

***. — *Facila Legolibro.* Eldonis The Esperanto Publishing Co. Ltd. London. 64 p. 12,5×18,5 cm. Prezo : Unu Ŝilingo Angla. (1932-118).

***. — *Estona Antologio I.* Eldonis Esperanto-Asocio de Estonio, Tallinn. 136 p. 15,5×22 cm. Prezo : sv. Fr. 2.35 (1932-119).

***. — *Kalendaro de IPE,* 1933. — Eldonis Internacio de Proleta Esperantistaro, Berlin. 47 p. 10,5×14 cm. Prezo : 0.40 Gmk. (1932-120).

***. — *LEA - vortaro, Esperanto-Deutsch.* — Eldonis Laborista Esperanto Asocio, Berlin C 25. 143 p. 12,5×17,5 cm. Prezo : 1.— Gmk. (1932-121).

***. — *Ilustrita Gvidlibro tra linioj de ĉeĥoslovakaj kaj ŝtataj Fervojoj.* — Eldonis Ministerio de Fervojoj, Praha, 11 geogr. kartoj kaj 140 bildoj. 10×20 cm. (1932-122).

Kverko. — *Estudo do Esperanto.* — Ediçao da livraria do globo, Porto Alegre. 158 p. 13×18,5 cm. (1932-123).

Dr. Wm. S. Benson. — *Universala Esperanto Metodo.* — Eldonis Benson School of Esperanto, Newark. NJ. USA. 560 paĝoj, formato 16×23 cm. ĉirkaŭ 11,000 bildoj, 41 diversaj lingvoj. Prezo kvar Usonaj Dolaroj. (1932-124).

Hans Bakker. — *Esperanto in een doosje, Leerboek.* — H. Meulanhoff, Amsterdam. 104 p. 16×23 cm. (1932-125).

Hans Bakker. — *Sleutel, Esp. in een doosje.* — H. Meulenhoff, Amsterdam, 24 p. 16×23 cm. (1932-126).

Ragnv. Rian. — *Norsk-Esperanto Ordbok.* — Utgitt under medvirkning av Norsk Esperantoforbund (N.E.L.), Trondheim. 144 p. 15,5×23 cm. (1932-127).

Koleszar Andor. — *Az újlatin, Grammatica de la lingva international auxiliár Nova Latina.* 226 p. 13,5 × 20,5 cm. (1932-128).

Jakob Rosenberg. — *Intima Frazludo.* — Eldono de la aŭtoro, Tallin. 64 kartoj kaj botanika vortareto. 10×13,5 cm. Prezo : 0,30 Dol. (1932-129).

Fran Novljan. — *Lerno-kaj legolibro kun vortklarigoj (serbokroata).* — Eldonis : « La Suda Stelo », Slav. Brod. 128 p. 14×20 cm. Prezo : 20 Din. (1932-130).

Ivan Mažuranic. — *La morto de Smail-Aga Ĉengijiĉ, trad. Mavro Ŝpicer.* — Eldonis : « La Suda Stelo », Slav. Brod. 13,5×21 cm. 76 p. Prezo : bind. 30 Din. (1932-131).

***. — *Kantanta Homaro, orig. fac. Esp.-kantoj por 4voĉa miksa ĥoro.* — Eldonis Esperanto-Asocio de Estonio, Tallinn. 16 p. 19×23,5 cm. (1932-132).

A. Mazzolini. — *Ekzercilo, por supera prakt. kurso de Esp., 2-a eld. pliampleksigita.* — Eldonejo A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Ital. 72 p. 11,5×16,5 cm. Prezo : it. L. 3.— (1932-133).

A. Mazzolini. — *Helpilo, Gvidlibreto aldonita al Ekzercilo.* — Eldonejo A. Paolet, S. Vito al Tagliamento, Ital. 4 p. 11,5×16,5 cm. Prezo : it. L. 2.— (1932-134).

# Esperantista vivo

### Fianĉiĝo

F-ino Loulette Lapp, VD en Pont-de-Beauvoisin, Isère, kun pola samideano D-ro Wittlin Ano 36200 en Lyon, feliĉa sekvo de l'24-a Kongreso.

### Edziĝo

S-ro Pandiŝo, ĉina samideano en Tsipao ap. Shanghai kun F-ino Hu, 26.11.32.

### Naskiĝoj

Al Ge-sroj Louis Talma, D de UEA en Fuenmayor, Hispanujo, Prov. Logrono, filineto Ana Maria, tria infano, (Amuza karteto nin informis pri tio kun ciferoj 1,2,3 kaj franclingva teksto: Jamais deux sans trois — Neniam du sen tri.)

# Niaj mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-RO ERNST PFŐRTNER, malnova ano kaj fidela Delegito en Nordhausen, Germanujo, 3.XII.32.

S-RO D-RO RAABE, Ano de UEA multjara vicprezidanto de Saksa Ligo de l'Germana E- Asocio, 1.XI.32.

S-RO JOSEPH RUGE, MA 18148 en Mulhouse, Francujo, kunfondinto de la loka grupo (Dec. 1932).

S-RO MOSEO MOŜKOVIĈ M 35938 en Plock (Polujo) 22 jaraĝa 2.XII.32. Li estis fervora samideano kaj antaŭ la morto esprimis deziron, ke aperu noto pri lia morto en « Esperanto » por informi siajn korespondantojn.

S-RO RUDOLF BRUNO BLAUFELDT, longjara fidela membro de UEA kaj D en Tartu 6 (Estonio), fondinto de la loka societo (4.VIII.32.)

S-RO JAN HROMADA, patro de nia Komitatano S-ro Rud. Hromada 3-a de Decembro 1932.

S-RO LUDWIG ALLINGER, patro de la konata Esperanto-instruisto AJO, Kalrsruhe, Germanujo, Novembro 1932.

S-RO RHODES MARRIOTT. konsilanto de la Brita Asocio, Dumviva ano de UEA, tradukanto, kunlaborinto de Esperanto, 3.11.32.

S-RO F. J., STRONG, Exeter. Ano fidela de BEA kaj UEA (8288) 86 jara 25.10.32.

*Sinceran kunsenton !*

# Oni dankas

*** S-ro A. Läufer, Subtenanto de UEA en Mainz, German., tutkore dankas S-ron Pfeiffer D en Aschaffenburg, kaj S-ron Karl Link, D en Heidelberg pro bona kaj utila informo.

*** F-ino Dora Lendel, Anino de UEA el Potsdam kore dankas al Ge-sroj Borel, D. en Lyon, por bonaj konsiloj dum vojaĝo kaj akompano ĝis Arles.

*** F-ino Rie Roelofs, M. Amsterdam, Nederlando, kore dankas al S-ro Oscar Behneken, D. Brisbane, Aŭstralio, pro bonega servo. »

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj*

*Mallongigoj:* L-letero; PK-poŝtkarto; PI-poŝtkarto ilustr.; bfl.-poŝtmarko sur bildflanko; Gaz.-gazeto; k.ĉ.l.-kun ĉiuj landoj; C.r.-certe respondos.

*Bistrita* (Rumanujo). — S-ro Max Weinberger, librotenisto, Str. Ungureasca 45, serĉas la nunan adreson de Barono D-ro med. Enrico Casteli, loĝinta iam en Paris, Firenze poste en München, kiel konsulo de la Respubliko de Panamo. Petinto pagas malgrandajn elspezojn de afranko k.t.p.

*Catarroja* (Hispanujo). — S-ro Alfredo Puchalt Camus, Str. Cervantes 13, PI kun f-inoj k.ĉ.l. Li antaŭdankas.

*Clinton-Missouri* (Usono). — S-ro Rex Booth, 517 N., 2-nd Street L., PI., Fotoj, kun Norda Eŭropo, Britujo, Francujo kaj Svislando.

*Eisgrub-Lednice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro L. Luniaczek, stud. de sup. ĝarden. lernejo, Del. UEA, pri ĝardenistaj kaj similaj temoj. Foto, L., PI., bfl. PM. laŭ Michel k.ĉ.l. Ĉiam respondas. Ankaŭ germanlingve.

*La Ciotat* (Francujo, B.d.R.). — S-ro Raven Hart, D de UEA, au Liouquet, sendas modernajn romanojn, anglajn, francajn, uzitajn, kontraŭ germanaj holandaj, skandinavaj.

*Moskvo.* — S-ro Gurij Fedulov, Dangauerovskaja Slob. 27, kv. 2. L. pri sociaj literaturaj kaj aliaj seriozaj temoj.

*Oakland* (Cal. Usono). — S-ino P. M. Alexander, 231, 29th Street PI., PM., k.ĉ.l.

*S.O.S.* — Letervespero okazos ĉe ni, 20.2.1933. Skribu amase al Esperantista Klubo, Ringstedvej 17, Holbaek, Danlando.

*Slonava* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Paulo Bartulec PI. bfl., Fotoj, Esperantaj gazetoj, Gaz. kun Espo-rubriko. Glumarkoj precipe de la universalaj kongresoj I.-XIX. Certe ĉiam respondos.

*Upice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Bohumil Podolnik c/o Bat'a, PI., PM. kontraŭ amatoraj fotoj. Respondo garantiata.

*Vinkovci* (Jugoslavio). — S-ro Stjepan Ceraneĉviĉ, priv. oficisto, Kozarceva ul. 4. PM., k.ĉ.l. C. r.

*Zaragoza* (Hispan.). — F-ino Pilar Burillo, S. Nacional 8, PI., PM. C. r.

*Zeltini* (Latvio). — S-ro Antons Lazdinŝ, « Kropas » L., PI., bfl. gaz., k.ĉ.l.

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. - 30-1-33.